5ª Jaro (Majo) — 1927 — nº 3

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T. E. K. A.)

Abonprezo : 1 amer. dolaro aŭ samvaloro
Por la Francoj : 20 fr. — Por la Rusoj : unu ora rublo
Specimena numero : Tri respondkuponoj aŭ samvaloro



*REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO*

Dº BRIQUET, rue de La Bassée, 31, LILLE *(Francujo)*.
Poŝtĉekoj Lille 30.25.

*Internacia Medicina Revuo aperas ĉiun duan monaton.*
*Gi estas sendata regule nur al la abonintoj.*

SIN TURNI

Pri originalaj sciencaj artikoloj kaj aŭtoreferatoj, al Do Robin, Marszalkowska, 113, Warszawa (Polujo).

Pri referatoj aŭ tradukoj el ĉiulandaj medicinaj ĵurnaloj al Do Blassberg, Starowislna ul 18 Krakow (Polujo).

Pri ĉiuj aliaj temoj al Do Briquet, rue de La Bassée, 31, Lille (Francujo).

(Se vi deziras senperan respondon bonvolu aldoni *freŝdatan* respondkuponon.)

*ABONOJ.* — Por eviti malfruigojn sin enskribigi ĉe la Redakcio. Pagi ĉu senpere al ĝi, ĉu al la ĉefkasisto, ĉu al unu el la landaj kasistoj (vidu la liston sur la tria paĝo de la kovrilo).

*PREZARO POR ANONCOJ*

**EN UNU NUMERO**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo | 25 svisaj frankoj | — | nune | 150 | francaj frankoj |
| 1/2 paĝo | 15 — — | — | | 90 | » » |
| 1/4 paĝo | 10 — — | — | — | 60 | » » |

**EN SES NUMEROJ**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo | 125 svisaj frankoj | — | nune | 750 | francaj frankoj |
| 1/2 paĝo | 75 - — | — | — | 450 | » » |
| 1/4 paĝo | 50 — — | — | — | 300 | » » |

Paĝoj de la kovrilo : 30 % plie.

La teksto de la anoncoj estos senpage tradukata en esperanto.

# ENHAVO



## PRI LA MUZIKA TALENTO

D-RO G. O. GOLDBLAT *(Minsk, Blank-Rusujo, U. S. S. R.)*

Dum pri talenteco entute ekzistas vasta je enhavo kaj amplekso literaturo, specialaj talentoj, aparte en regiono de l'arto, ne estas de la psikologia flanko sufiĉe lumigitaj kaj analizitaj. Ekz., ĝis nun oni ne havas difinitan psikologian dismembrigon de la ideo pri la « muzika talento » kiu en sia plej alta apero prezentas per si la kunigon de kelkaj diversaj muzikaj kapablecoj.

Tiuj kapablecoj miaopinie estas jenaj :

A) *La muzika aŭdosento :*
- *A-1)* La sento de ritmo (= l'aŭdosento koncerne de ritmo).
- *A-2)* La alprenanta muzika aŭdosento ;
- *A-3)* La reproduktanta muzika aŭdosento.

B) *La muzika sento :*
- *B-1)* La muzika ensentado ;
- *B-2)* » komprenado ;
- *B-3)* » gusto ;
- *B-4)* » esprimeco.

C) *La muzika kreadprocedo :*

*A-1) La sento de ritmo* « signifas la kapablecon ĝuste konservi kaj transdoni laŭvicon de sonoj de aŭdita muzikverko (aŭ de parto de ĝi). Tio estas la plej simpla vario de l'muzika aŭdosento disvolviĝinta el la emo de besto, infano, primitiva homo al apero de ritmo en sonoj kaj movadoj (1).

*A-2)* « *La alprenanta muzika aŭdosento* » estas la kapableco aŭdi interne « en la muzika konscio » alprenitan muzikverkon (aŭ parton de ĝi) post kelka intertempo.

*A-3)* « *La reproduktanta muzika aŭdosento* » estas la kapableco de ĝuste-preciza reproduktado per voĉaj aŭ instrumentaj rimedoj de alprenita muzikverko (aŭ de parto de ĝi). Ĝustatempe : ĉe apartaj homoj oni ne rimarkas paralelismon en disvolviĝo de kapablecoj de pervoĉa aŭ perinstrumenta transdono de aŭdita muzikaĵo.

« La reproduktanta muzika aŭdosento » estas pli alta grado de muzika disvolviĝo, ol « la alprenanta muzika aŭdosento », kiu prezentas ja la nepran kondiĉon de l'unua. Iafoje *A-2* kaj *A-3* ĉe iu persono estas disvolvitaj, same kiel *A-1* (« la sento de ritmo ».) Sed sufiĉe ofte ĉi-koncerne estas observata *mallaŭo*, kiun kelkaj aŭtoroj eĉ signifas kiel tipan *aperon* (2).

Al *A-2* kaj *A-3*. La bona aŭdosento koncernanta melodion en la muzika senco devas esti ŝatata malpli, ol la bona aŭdosento rilate al la harmonio, t. e. de l'kunigo de unutempe sonantaj tonoj aŭ orkestrado. La personoj, kapablaj alpreni harmonion, kutime kapablas bone aukaŭ melodion, sed ne male. Tio estas la regulo, respektivanta filogenetikan disvolviĝon de l'muziko, kiu laŭ ĥronologia sinsekvado de ĝiaj elementoj povas esti esprimata per la formulo : ritmo - melodio - harmonio. *A-2* kaj *A-3* estas interligitaj pere « la muzika memoro », t. e. per la kapableco almemoradi, konservadi en la konscio aŭditan muzikaĵon. Eble oni devus tiun kapablecon, kiu laŭ grado de sia disvolviĝo larĝe ŝancelas ĉe diversaj personoj, enkonduki kiel apartan subgrupon en la disdividon de l'muzika talento.

---

(1) La konuloj substrekas treegan unutonecon de ĉiam ripetataj rekantaĵoj kaj sonoj en kantoj akompanantaj dancojn de praaj popoloj. La plej simpla ritmo, kiu laŭ sia unuformeco iĝus netolerebla por kultura homo, kontentigas aŭdosentan-movadan bezonon de l'primitiva homo (*Kretschmer*).

(2) Ĉi-koncerne estas atentindaj diskutoj pri la raporto de *Langelüddeke* dum la XX konferenco de l'societo de nordgermanaj psiĥiatriistoj kaj neŭropatologiistoj (1924). El la referato pri tio mi donas du lokojn: La ekzemplo de Beethoven ne estas sola, — la ritma kapableco kaj entuta muzikemo ne malofte kontraŭiĝas (*Tromner*). La ritmeco kaj la harmonieco male-proporcias. Ĉe malforte disvolvita harmonieco la ritmeco povas esti pli malsimpla ol ĉe pli disvolvita harmonieco » (*Langelüddeke*).

*B-1)* Kiel « *la muzikan ensentadon* » oni traktas la animan reagon de aŭskultanto je la muziko, kiel de ekapero de difinita « animstato ». Ĉe multaj homoj, ne ĉiam « la muzike-komprenantaj » (vidu pli malsupre), laŭ tia animstato ekaperas viva fluado de pensoj, koloritigaj per laŭaj animaj tonoj kaj ordinare koncernantaj personajn travivadojn, esperojn, zorgojn k. t. p. (1). « La plimulto opinias, ke la muziko estas ŝatinda ĉefe pro tio, ke « tiuj sonoj kapablas vekiĝon de pensasocioj, prezentadoj en homo » (Sabanejev).

*B-2)* La difino « *muzika komprenado* » malgraŭ tio, ke ĝi estas ofte uzata kaj ne elvokas siasence diversdirojn, sufiĉe malfacile difiniĝas. Ni parolas pri komprenado de muzikverko, ĝia karaktero kaj strukturo (vidu *Breithaŭpt*). Ĝi povas limiĝi per la muziko de determinita speco kaj ne disvastiĝi al pli kompleta muziko. « La muzika komprenado », kiu havas nenion komunan kun saĝagado, prezentas el si pli altan formon de disvolviĝo de l'muzika sento, ol « la muzika ensentado ». *B-1* kaj *B-2* ambaŭ interligitaj tieldire organike, ne estas renkontataj en izola vario. Por « la muzika ensentado » estas necesa almenaŭ ia muzika komprenado, kaj male — eĉ ĉe efektiva sciulo de muziko, plene « komprenanta » kaj ŝatanta leĝmezuran belecon de muzikaj formoj, ĉiam aperas en tiu aŭ alia grado emocia reago, kiel almiksaĵo al pure estetika muzika ĝuo. Laŭ superado de *B-1* aŭ *B-2* inter personoj, amantaj la muzikon, oni povas fiksi du tipojn. Tie ĉi eniras en penson iome kruda komparo kun duspeca tipo de amatoroj de vino : unu ŝatas en vino precipe emocion, elvokatan per ĝi, ebriecon, eŭforion ; la alia (« la sciulo de vino ») — guston kaj aromon (« la bukedon ») de vino.

La ideo pri « la muzika komprenado » povas esti, analogie al « la muzika aŭdosento », dismembrigita al la ideo de la « komprenado de melodio » kaj « la komprenado de harmonio » ; la lasta prezentas el si pli altan gradon de muzika disvolviĝo, ol la unua.

---

(1) Tiu influo de l'muziko estas belege esprimita en la versaĵo de l'germana poetino Ada Kristen. — « En la koncerto »:

Malĝoja infaneco
Kaj morto de l'patro
La blinda juneco
Kaj mizera malriĉeco...
Vintre la frostojn,
Grandegan mizeron,
Zorgojn, turmentojn,
Doloron en kor'...
Ĉie estas la senanimeco
Pli peza ol plumbo
Kaj tempo sen turmentoj
— Pli dolora ol turmentoj...
Ĉi-Ĉio ree
Iris antaŭ mi
Kiel la ploro mallaŭta
Kaj krio surda
Kiam via mano
Batis la kordojn
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Ho, kiel mi suferis!

*B-3) « La muzika gusto »* estas prefero de bona muziko (klasika kaj popola) » kontraŭe de malmultekostaj muzikverkoj, kaj ordinare elfluas el la « muzika komprenado » *(B-2)*. Tamen estas renkontataj homoj, kiuj ne estante muzike-komprenantaj, intuicie preferas kaj ŝatas bonan muzikon.

*B-4) « La muzika esprimeco »* konsistas en esprima, subtila nuanca transdonado de muzikverko kun tutaj ĝiaj detaloj. Certe, por tio estas bezona la komprenado *(B-2)* de l'muziko. Sed *B-4* kaj *B-2* ne egalas — ja ne malofte grandaj konuloj de muziko ĉe muzika plenumado montras malmulte da ekspresio.

*C) « La muzika kreadprocedo »*, resp.., la kreadproceda muzika talento ordinare estas ligita kun ĉiuj notitaj kapablecoj. Certe, returniroj de tiu regulo ja ekzistas. Kiel por ĉiu kreadproceda talento, tiel por la muzika kreadprocedo estas bezona krom ĉeesto de determinitaj specialaj kapablecoj iu X, kiun dube sukcesos aperigi psikologiistoj kaj anatomiistoj.

Do, la ideo pri « la muzika talento » estas tiom ampleksa kaj malsimpla, ke ni devus precize indiki : kiajn el respektivaj kapablecoj havas la persono kaj kiagrade (malforte, modere, forte) ili estas esprimataj. La senton de ritmo *(A-1)* kaj la muzikan ensentadon *(B-1)* en modera grado de disvolviĝo havas multo da homoj kaj tamen ili ne ankoraŭ signifas la muzikan talenton.

Nia dismembrigo de l'kompreno pri « la muzika talento » neniom pretendas je iu noveco sed celas sistemigon, precizigon kaj substrekon de kelkaj konataĵoj. La notita skemo parte egalas al respektivaj subdividoj de aliaj aŭtoroj.

VOSS *analizas la muzikemon je jenaj kapablecoj aŭ ecoj: aŭdosento (absoluta* (1), *relativa kaj por intervaloj, la muzika memoro en diversaj ĝiaj formoj, la kapableco de transdono, la kreemo (al kompozicio, al improvizacio), la ritma kapableco, la povo ludi je unu aŭ kelkaj muzikinstrumentoj, la teknika lerteco en la ludo, la emo al la muziko, la celado al muzika agado kaj perfekteco en ĝi.*

*Laŭ* BRAZIER *la muzika sento kolektiĝas el kelkaj diversspecaj elementoj, koncernantaj: ritmon, senton, alprenadon de melodio, divenadon de tembro kaj alteco de tonoj (samtempe ĉiu el tiuj elementoj povas montri patologiajn lezojn).*

RENTSCH *dividas la muzikan senton je* 1) *la kapableco al rememorado de sonoj;* 2) *la sento de harmonio kaj disharmonio;* 3) *la sento de takto kaj de ritmo.*

Tiaspecaj dividigoj havas ne nur teorian intereson sed ankaŭ ili estas praktike utilaj por kvalita kaj kvanta ŝatado de la muzika

---

(1) Kelkaj personoj havas tiom akran aŭdosenton, ke ili facile divenas absolutan altecon de ĉiu aparta tono kaj treege simple ekkonas apartajn sonojn en la plej malsimplaj harmonioj. Tio-ĉi estas tiel nomata « absoluta aŭdosento », kiu estas ofte renkontata nome ĉe muzikantoj (Sabanejev).

talento en ĉiu aparta kazo. Profitante tiun skemon, oni povus esprimi « la muzikkapablecon » de ĉiu persono per klara formulo.

Estas konate, ke ni renkontas ĉie homojn, kies talento, donacita al ili de l'naturo en sufiĉe modesta grado, estas troŝatata de ili mem aŭ de ĉirkaŭantoj, kio ofte kondukas al elekto de profesio ne pleje taŭga por tiu persono. Tiurilate la profesio de muzikanto en ĉiuj ĝiaj varioj (de muzikinstruisto, koncertanto-virtuozo, orkestrestro, komponisto) ne prezentas escepton.

Interesega estas la demando : kiome la muzikaŭdosento (« alprenanta » kaj « reproduktanta ») en kvanta senco kuniras kun diversaj komunaj psikaj funkcioj (la kapableco de almemorado kaj rememoro, precizeco de alprenado, k. t. p.) ? Dube tie-ĉi ekzistas iu paralelismo : *à priori* ankaŭ estas malfacile supozi, ke ni sukcesos ellabori psikologiajn, resp. psikoteknikajn metodojn, kiuj povus anstataŭigi aŭ gravmaniere kompletigi praktikatajn de spertaj muzikinstruistoj metodojn de ekzamenoj de muzikaj kapablecoj. Cetere, estas dezirata pliperfektigo de metodoj de esplorado de « la ritmosento ».

Kompreneble, en la taŭgeco al tiu aŭ alia muzika agado, krom muzikaj kapablecoj, ĉefan rolon ludas ankaŭ aliaj ecoj (ekz., por muzikinstruisto-specialaj ecoj, necesaj por pedagogo, por kantisto-voĉa materialo, bona dikcio ktp.)

La muzika talento ne iel dependas de entuta intelekta talenteco.

*Estas konate, ke altaj muzikaj ecoj tute ne devas kunligiĝi kun alta intelekta disvolviĝo. En vico de multaj muzikaj personoj, alte starantaj intelekte, ni konas multajn muzike-talentajn homojn, kies intelekto estas malforte disvolviĝita. Eĉ ĉe la imbecileco estas observata iafoje bona muzika disvolviĝo kaj* Mackenzie Bacon *komunikas pri 12 jara idioto, kiu havis la muzikan talenton malgraŭ tio, ke li povis ripeti nur kelke da vortoj* (Marcus).

La fizionomia signo de muzika kapableco eĉ en la kazoj, kiam ili atingas altecon de genieco, ne estas bedaŭrinde trovita kaj evidente ne ekzistas.

Sed grafologiaj esploradoj montris, ke skribostrekoj de muzikkapablaj homoj tre ofte kvalitas arĥitekture belajn formojn, karakterajn por skribado de artistoj (pentristoj, skulptistoj). Tio estas klarigata per intima kunligo, ekzistanta inter la muziko kaj la bilda arto, inter alprenado de sonoj koj alprenado de koloriloj kaj formoj.

« *Pri la proksima parenceco inter la muziko kaj la pentrarto diras tiu fakto, ke ne malofte homoj preskaŭ samgrade estas talentaj por tiuj ambaŭ artoj, kaj ke ofte aperas konfliktoj kaj ŝanceladoj koncerne la elekto de profesioj* » (Stieglitz).

Atentinda estas la frenologia signo de la muzika talenteco, eltrovita de GALL, nome : « la elstaro de l'antaŭa tempia regiono » (karaktera por « la sento de sonoj » — « *Tonsinn* » — aŭ « de l'muzika talento »).

*Subtenita de l'aŭtoritato de* Moebius, *la instruo de Gall pri determinitaj cerbaj lokalizaĵoj por psikaj « ĉefaj ecoj » kaj pri respektiva disvolviĝo de tiuj aŭ aliaj regionoj de l'kranio, estis jesigita per pluaj esploradoj nur en tre limigita mezuro. Por malsimplaj psikaj procedoj oni devas opinii necesa la funkcian partoprenon de la plej diversaj lokaĵoj de la cerbo, kaj tiurilate estas trafega la esprimo de Brodmann, ke efektive ekzistas nur unu psika centro, t. e la cerbo kiel la tuto kun ĉiuj ĝiaj organoj (citita laŭ Rosenfeld). Tamen estas necese alpreni, ke en la aro de cerbaj funkcioj determinita loko de la cerbo depende de karaktero kaj psika procedo povas ludi ĉefan rolon. Ekz., oni ne povas nei la proksiman interligon de fruntaj loboj de la cerbo kun la plej alta intelekta agado, de tempiaj loboj kun aŭdosento kaj muzika talenteco.*

Cetere, kiel montras klinikaj observadoj ĉe vundado de la cerbo kaj anatomiaj esploradoj de la cerbo de personoj kun grandaj muzikaj kapablecoj, ties substrato krom la tempiaj loboj estas ankaŭ la najbaraj al ili lokoj. Nome, klinikaj observadoj instruas, ke komprenado de la muziko estas lokalizita en I tempia giro kaj la kapableco al la muzika transigo (t. e. la kapableco ĝuste kanti, ludi, fajfi melodion) estas lokalizita en II kaj III fruntaj giroj (*Jentsch, Henschen*). Laŭ Mendel (v. Reutsch) ĉe dekstruloj la unua el la montritaj kapablecoj estas lokalizita en I tempia giro dekstre, la dua — en II frunta giro dekstre. La anatomiaj esploradoj (*Anerbach, Kloze* k. a.) montris, ke ĉe eminentaj muzikistoj estas forte disvolvitaj diversaj giroj (de tempiaj, vertaj kaj fruntaj loboj) : la giro tempia supra, la giro tempia meza, la giro transversa, la giro supramarginala kaj en kelkaj kazoj ankaŭ la giroj fruntaj. « La esplorado de 100 cerboj alkondukas Henschen'n al la konkludo, ke la akustike-tona alprenado estas lokalizita en la maldestra T-1, kaj notlegado — en la sulko malsupra *verta*, t. e. antaŭe de la giro angula, kie lokiĝas la centro por la legado entute ; la kantado-antaŭe de la centro por la langa (antaŭe de la giro antaŭcentra) ; la ludo je instrumento — en III frunta giro (dekstre). Tiuj-ĉi centroj estas kreataj per ekzercado kaj dank'al konstanta funkciado ili metamorfiĝas en aŭtomatajn meĥanismojn ». (Cit. laŭ Serejskij). En ĉi-ĉiuj klinikaj kaj anatomiaj esploradoj tamen plej ofte staras sur unua plano la tempiaj giroj. Jen tio klarigas, ke la trovita de Gall signo de la muzika talenteco ne multe ŝanceliĝis.

Ankaŭ pluaj esplorantoj (*Moebius, Schwalbe, Anerbach, Tandler k. a.*) opinias tiurilate, ke kiel la morfologia esprimo de la muzika talento, aperas la respektive granda disvolviĝo, hiperplazio

de la tempia parto de la kranio-kutime de ambaŭ flankoj, iafoje ankaŭ de unu flanko ; *Schwalbe* aldonas la apartan signifon al disvolviĝo de tri altaĵoj de la tempia osto (vidu *Jentsch)* ; *Anerbach* — al granda elstaro de la skvameca parto de la tempia osto (vidu *Rentsch)*. Moebius opinias ke « solan rondiĝon de la tempia regiono ni devas kalkuli kvazaŭ la malsuperan muzikan signon, sed al la muzika diferencigo de la frunto ni devas alskribi ĉeeston de kreadproceda talento » (cit. laŭ *Rentsch)*.

La ekzistantaj montroj koncerne tiuj aŭ aliaj apartecoj de la periferia aŭdosenta organo de muzikkapablaj homoj ne havas sciencan statistikan fondon. Ekzistas la opinio, ke ĉe tiaj homoj estas ofte renkontataj elstarigitaj aŭ forte disvolviĝintaj orelaj konkoj. Plu, oni montras, ke ĉe talentaj muzikistoj rilate ofte estas konstatata la vertikala pozicio de l' orelmembrano. Iu holanda kuracisto komunikis, ke laŭ liaj observadoj la orelmembrano de muzike-talentaj homoj distingiĝas per treega subtileco kaj plia diafaneco, ol ĉe homoj ne muzikemaj *(Feiss)*.

Aperas la demando : ĉu oni povus utiligi la notitajn grafologiajn, frenologiajn kaj otologiajn signojn, kiel helpan materialon ĉe *psikoteknika konsultado de personoj, dezirantaj sin dediĉi al muzika agado* de tiu aŭ alia speco ? La respondo al la demando estas ebla nur post precizaj esploradoj, kiuj devas esti farotaj grandmezure kaj ĉirkaŭpreni homojn kun grandaj muzikkapablecoj, homoj tute ne muzikemajn kaj tiujn, starantajn sur diversaj ŝtupoj de la talenteco, — inter ambaŭ polusoj — de muzika genio kaj muzika idioto.

*El rusa lingvo tradukis.*

D-RO TANKOV (SOBAKINO, RUSUJO).

Pri la literaturo, vidu p. 150.

---

## SIMPLA METODO POR LA TAKSADO DE ELSPIRA AERPREMO ĈE PULMOMALSANULOJ

Kvankam la taksado de la kapacito de la pulmoj, respekt. de la respiratora aerpremo ne havas rimarkinde patognomian signifon, ĝi tamen havigas en certaj kazoj sufiĉe valorajn, prognozajn klarigojn. Se ni post certaj intertempoj fiksas la spirometrajn valorojn de pulmomalsanuloj, ni povas laŭcifere konstati la progreson au plibonigon de la malsaneco. Sed la kutimaj aparatoj, servantaj por la taksado de la pulmokapacito aŭ de la respiratora

aerpremo (kiel ekz. la spirometro laŭ Hutchinson aŭ la pneŭmatometro laŭ Waidenburg) apenaŭ estas troveblaj en ordinacejo de la praktikanta kuracisto.

La intenco de tiu ĉi artikoleto estas do, priskribi simplan metodon per kies helpo iu ajn kuracisto, posedanta — nuntempe por la taksado de la arteria sangopremo ja multnecesan — sfigmomanometron, tre facile povas taksi kun precizeco ĝis milimetroj la elspiran aerpremon de sia paciento kaj komparante la tiamaniere ricevitajn numerojn kun la rezultoj de la fizika esplorado, konkludi al la rekonstruado de la spirorganoj.

La procedo estas nun la jena : Al la ekstremaĵo, kunigita kun la hidrargirkolono de la sfigmomanometro (ankaŭ risort-sfigmomanometroj estas uzeblaj tiucele) oni almetas simplan gumotubon, kiu ĉe la libera fino havas taŭgan albuŝaĵon. Nun oni igas la pacienton profunde enspiri kaj poste laŭeble tutpulme, forte elspirante, blovi en la gumtubon. La hidrargirkolono de la manometro ekaltiĝas kaj montras precize ĝis milimetroj la elspiran aerpremon, kiu balancas ĉe sanuloj inter 70 kaj 100 Hgmm. La aerpremo malmultiĝas en kazoj de emfizemo, astmo, bronĥito, pleŭrito kaj tuberkulozaj statoj de la pulmoj, — do en ĉiuj kazoj, kiam la pulmoj perdas la elastecon. Oni devas memkompreneble dekalkuli malsaniĝojn de la molaj organoj torakaj, reŭmo, interripa neŭralgio, pleŭrodinio ktp.) kaj patologiajn aliformiĝojn de la najbaraj organoj funkciantaj ĉe la respirado.

Samprincipe estas konstatebla eĉ la enspira aerpremo, nur estas tiuokase la gumtubo almetota al la supra ekstremaĵo de la sfigmomanometro kaj la paciento devas profunde enspiri.

Mi rekomendas al miaj kolegoj tiun ĉi simplan, manuzeblan metodon por elprovi.

D-ro VILMOS AUSTERLITZ (Slovakio).
*estinta Universitata Asistanto en Bardiov.*

# ETIOLOGIO DE KANCERO KAJ ROLO DE KONTRAŬMETABOLISMAJ FAKTOROJ

DE D-RO VAN BECELAERE. SAN-DIEGO (KALIFORNIO)

*(Speciale verkita por « I. M. R. »)*

Laŭ la doktrino de Bulkley-Soresi kancero estas metabola distrofio, kontraŭnorma multobliĝado de ĉelaj elementoj, deveninta pro nutriga malordiĝo.

Meĥanikaj incitoj, ofte ripetitaj, ne sufiĉas (vidu milionojn da piedkornoj, neniam aliiĝantaj en kanceron propramove). Traŭmoj, kvankam gravaj, per si mem ne sekvigas kancerojn ; tamen eble la malgravaj : kontuzoj, pinĉadoj pli facile kaŭzos kanceriĝon.

La diro de Bulkley, ke « kancero estas ribelo de la ĉeloj » estas prava, kaj ni komprenos, kial tia ribelo kulminacias per « ĉela anarĥio ». La supraj vortoj estu tamen antaŭigitaj per unu paŝo : ĉar stariĝita ribelo postulas aŭ mankan, aŭ nesufiĉan policadon. La ordiĝita naturo tre certe provizas al ĉia viva funkcio la necesan regulestron, la fiziologian bridilon por kontrolo de ĉeleta kreskado, de metabola produktemo kaj utiliĝado. Sed iafoje la fiziologia ekvilibro malordiĝas ; sekvas neregula metabolismo kaj nenormala kreskado. Eble kancero pli ofte aperas ĉe la postmezaĝuloj, kio eble rezultas pro iompostioma malplivaloriĝo de sanigantaj, revalorigantaj enzimoj, esence propraj al ĉiaj normalaj histoj de la korpo. Kiel ceteraj vivkapabloj, ili estas pli aktivaj kaj efikaj dum la jaroj de kreskado. Ĉar iomaj korpaj teksaĵoj estas organisme pli malriĉe provizataj per tiaj kontraŭmetabolismaj faktoroj, sekve ili estas malpli protektitaj kontraŭ kancerigo : ekz. la cerbo, la okulo la hepato k. t. p. Estas eble ankaŭ, ke la foresto, la detruado, la nesufiĉeco de tiu elemento klarigas la melanomajn kaj kloromelanomajn specojn de kanceriĝo.

Irante nun unu paŝon antaŭen, ni komprenos, — per speciala rilato de epiteliaj teksaĵoj al tiu enzimo, — kial ĝi estas verŝajne pli kapablaj je kancera distrofio, ankaŭ ni vidas la kaŭzon de ĝia rapida, subtila, molekula diferencigado.

Ripetata, malgrava, kronika kontuza traŭmateto plirapide kaŭzas kanceran degeneradon, *eble pro tio, ke ĝi lacigas kaj fine forkonsumas tiajn fiziologiajn kontrolajn agojn, tiajn metabolajn ŝirmilojn, kiuj en tiu cirkonstanco ne plu sufiĉas al la haltigo de ekaperanta ĉeleta anarĥio.*

Tiaj ĉelaj distrofioj ekzistas jam eble delonge, antaŭ ol ili inokuliĝos per kanceriĝo, kiel ekz. verukoj, « grajnoj de beleco », pigmentaĵoj, planverukoj ĉe maljunuloj, k. t. p.

## ŜTATA INSTITUTO DE HIGIENO KAJ ŜTATA LERNEJO DE HIGIENO EN POLUJO

(*Laŭ artikolo de* D-ro M. KACPRZAK, *Estro de Statistika Fako de la supra Instituto* — WARSZAWA)

Unu el institucioj, kiuj fondiĝis jam en periodo de sendependeco de Pola Regno, estas Ŝtata Instituto de Higieno. Sen trograndigo oni povas diri, ke ĉi tiu Instituto kune kun la Ŝtata Lernejo de Higieno, kiu laŭ la regularo estas ĝia parto, kreas *unu el la plej grandiozaj kaj plej bone organizitaj tiuspecaj institucioj en Eŭropo.*

Ŝtata Instituto de Higieno fondiĝis en j. 1919 sub nomo de « Ŝtata Epidemiologia Instituto ». En jaro 1923 Ŝtata Epidemiologia Instituto transformiĝis je Ŝtata Instituto de Higieno. Celojn kaj taskojn de la Instituto klare formulas la regularo, kiu diras : « Diagnozado de infektaj malsanoj, esplorado de ilia esenco, de ilia deveno, de ilies disvastiĝo kaj kontraŭbatalo, fine fabrikado kaj eksperimenta esplorado de serumoj, vakcinaĵoj kaj de aliaj bakteriaj produktaĵoj estas tasko de Ŝtata Instituto de Higieno ».

La Instituto krom la administracio posedas *kvar* fakojn : 1) bakteriologia, 2) fabrikado de serumoj kaj vakcinaĵoj, 3) fabrikado de variol-vakcino, kaj 4) Pasteur'a-Lastatempe la Instituto komencis produkti insulinon.

La lasta granda etapo en disvolviĝo de Ŝtata Instituto de Higieno estas la fondigo de Ŝtata Lernejo de Higieno, kiu kreas, kiel oni su premenciis, parton de la Instituto. La Lernejo estis malfermita en 1926. La taskoj de Lernejo estas kvazaŭ kompletigo de Institutaj taskoj. Tamen la ĉefa tasko de la lernejo estas preparado de personaro por la Servo de Saneco en la Ŝtato, do : kuracistojn-higienistojn, saninspektorojn kaj higienistinojn-informistinojn. Krom ĉi tiu personaro estas dua kategorio de laborantoj : saninĝenieroj, laborinspektoroj, instrukciistoj de fizika edukado k. t. p. Laŭ la plano en la Lernejo estas enkondukitaj *kvin* fakoj : 1) saninĝeniera ; 2) bioĥemia ; 3) laborhigiena ; 4) epidemiologia-statistika ; 5) socia-higiena

(*Esp.-igis* L. BORUCHOWICZ).

P. S. — Ĉar anoj de la IV-a Intern. Milit. Medicina kongreso, okazonta en Majo 1927 en Varsovio, vizitos la supran Instituton, la Redakcio opiniis utila doni ĉi-tiun noton pri la tre interesa, moderna kaj modela kuracista institucio.

Ni atentigas, ke Direktoro de la Instituto estas D-ro RAJCHMAN, samtempe Direktoro de la Higiena Sekcio de « Ligo de Nacioj » ; anstataŭas la Direktoron D-ro L. HIRSZFELD. Direktoro de la Lernejo estas D-ro W. CHODZKO, eksministro de Saneco ; Estro de Ĥemia-biologia fako-prof. D-ro K. FUNK, la fama eltrovinto de Vitaminoj ; Estro de la statistika fako D-ro KACPRZAK, aŭtoro de la supra artikolo. Ni aldonu, ke kelkaj el nomitaj ĉefoj abonas nian « I. M. R. » kaj tre favoras al nia ideo. W. R.

# IOM PRI LA KURACISTA KRIZO EN EŬROPO

DE D^ro LEONO ZAMENHOF (WARSZAWA)

Bedaŭrinde el la alsenditaj ĝis nun respondoj al nia enketo ni ne posedas sufiĉan materialon por doni pli aŭ malpli precizan bildon koncerne tiun ĉi tre gravan por ni kuracistoj temon.

Dume mi permesos al mi doni kelkajn informojn ĉerpitajn el aliaj fontoj.

Ŝajne la plej akran krizon travivas niaj Vienaj kolegoj. Ilia situacio fariĝas ĉiam pli kritika. Nune Vieno kalkulas 3.800 kuracistojn, kio faras duoblan kvanton kompare kun la tempo antaŭ 5 jaroj. La loĝantaro tamen ne nur ne pligrandiĝis, sed falis ĝis 1.600.000. Se ni aldonos, ke 1.420.000 apartenas al la kasoj de malsanuloj, ni ne bezonos klarigi la tragedion de niaj Vienaj kolegoj. Kaj malgraŭ tio la nombro de medicinstudentoj estis en la jaro 1926 9.000 ! Ĉiujare finas la studojn 1.000 novaj kuracistoj kaj inter ili 700 restas en Vieno ! Tiuj ĉi cirkonstancoj sufiĉe pravigas eĉ la memmortigadon de kuracistoj !

Iom pli bone staras la afero en Germanujo, sed ankaŭ ne enviinde. La Germanujo havas nun 45.000 kuracistoj ĉe la loĝantaro konsistanta el 63.000.000 La nombro de kuracistoj kompare kun la jaro 1913 kreskis je 11.000 ĉe preskaŭ la sama nombro de la loĝantaro. La germana kuracistaro faras ĉion eblan por konkraŭbatali tiun ĉi krizon. En la ekspozicio de Düsseldorf estis konstruita speciala pavilono oferita al la medicino. La granda elpendaĵo altiranta atenton de la vizitantoj avertas pri la neceso de « numerus clausus » por la adeptoj de medicino. La Leipziga Ligo de kuracistoj proponas krei specialan ekonomian fonton por la kuracistoj atingintaj pli ol 70 jarojn por ke ili povu forlasi sian klientaron por pli junaj kolegoj !

En Italujo la registaro de Mussolini studas projekton pri fondo de rifuĝejo por kuracistoj, veterinariistoj kaj farmaciistoj. La italaj kuracistoj apenaŭ gajnas por la ĉiutaga pano kaj nur tre malmultaj povas revi pri ia ajn ekonomiado por la maljuneco.

Ne pli bone staras la afero en la « Sovieta » Rusujo. Laŭ la gazetaj sciigoj pli ol 10.000 kuracistoj restas sen laboro. En Moskvo pli ol 2.000 kuracistoj restas sen okupo, malgraŭ tio ke en la provincoj oni sentas mankon de kuraca helpo. La kuracistoj gajnas en Rusujo de 70 ĝis 100 rublojn monate, krom la laboristoj perlaboras ofte 150-300 rublojn. En la vilaĝoj la kuracistoj estas devigataj ofte piediri kelkdekon da kilometroj ; por tiuj elspezoj ili ne ricevas specialan monon. Por tio la kuracistoj en Rusujo preferas resti en pli grandaj urboj.

La situacio de kuracistoj estas despli malĝoja, ke ĝi ne nur ne pliboniĝas sed kontraŭe de tago al tago fariĝas pli netolerebla. La kaŭzo kuŝas komprenebla et la ĝenerala malbona stato ekonomia. Tamen tiu ĉi cirkonstanco ne estas la sola kaŭzo. Jam antaŭ milito en la lastaj jaroj oni komencis senti la krizon en tiu ĉi direkto. Ĝi dependis unuflanke de enkonduko de kasoj por malsanuloj, aliflanke de tro rapida kresko de la nombro de la kuracistaro.

*AVITAMINOZOJ. PROF. D^ro W KÖPPELMACHER. — (WIEN).*

Novan esplorkampon kreis la vitaminoj de Funk. Ili estas korpoj ankoraŭ ne sufiĉe esploritaj. Ilia foresto en nutraĵoj kaŭzas gravajn simptomojn. Ili pliampleksigas la ĉelspiradon, plialtigas la oksidigadon de karbonhidratoj. Se mankas la vitaminoj en nutraĵo, aperas « *mankmalsanoj* ». Ni konas nuntempe vicon da vitaminoj, kiujn ni difinas kiel A, B, C, D. Ankaŭ kvina vitamino E estas pridiskutebla. Ne ĉiuj bestoj estas sentemaj kontraŭ la manko de vitaminoj, ni scias ja, ke la birdoj sen C - vitaminoj restaj sanaj. - La homa organismo ŝajnas esti tre sentema kontraŭ la manko de vitaminoj.

La vitamino A estas grassolviĝebla, ĝi troviĝas en multaj bestaj organismoj, en viando, lakto, besta graso, butero, precipe fiŝoleo, kies enhavo je faktoro A estas 200-300 foje pli granda, ol de butero. Ĝi ne aperas en besta organismo, sed amasiĝas en hepato. Ĝi eniĝas en organismon per planta nutraĵo. Foresto de vitaminoj en nutraĵoj kaŭzas halton de kreskado kaj iom post iom atrofiiĝon. — Se la virinoj dum la gravedeco ricevas tro malmulte da A - vitaminoj -, povas naskiĝi nesufiĉe pezaj infanoj. Ĉe junaj organismoj povas aperi aliaj perturboj. — Nome malordoj en okuloj : kserozo de konjunktivo kaj de korneo kun perdo de brileco kaj iom-post-ioma malklariĝo de korneo kaj poste keratomalacio, kiu kaŭzas blindiĝon. — Jen sekvoj de A - avitaminozo. — Ankaŭ la hemeralopio estas avitaminozo. — Disvastigita en Japanujo malsano sub nomo « Hikan », kiu finiĝas per keratomalacio kaj blindiĝo, estas kaŭzita de A - vitaminmanko.

Tre komplikita kaj ankoraŭ ne sufiĉe klarigita estas etiologio de raĥito. Funk supozas, ke ĝi estas avitaminozo, sed ĉi tiu tezo havas multajn kontraŭlojn. Aliflanke vico da eksperimentoj pruvis, ke manko de Vitamino A kaŭzas la raĥiton, plue, ke tronutrigo kun lakta graso, kiu estas tiel riĉa je A - vitamino, plimalbonigas la raĥiton. La problemo de raĥito aperas nun en tute alia lumo. Huldschinsky sukcesis per radiado kun ultraviola lumo sanigi la raĥitulojn. — La lumigado ŝajnas aperigi en organismo substancon, kiun ni nun difinas kune kun Mc. Collum, kiel Vitaminon D.

Precipan intereson elvokas la *kontraŭneŭrita vitamino B*. Ĝi estas nepra por kreskantoj kaj maturuloj. Ĝi estas tre divastigita en bestaj kaj plantaj nutraĵoj. — Lakto, viando kaj precipe feĉo riĉenhavas ĝin. — Se ĝi mankas en nutraĵo, aperas malsano : *beri-beri*. Esploroj kaj eksperimentoj de Eijkman pruvis, ke pro B-vitaminmanko aperas « Polyneuritis gallinarum », grava nerva malsano. Lastatempe oni komencas dubi, ĉu beri-beri estas pura B - avitaminozo. — Eble la Abel'a hipotezo, subtenata per besteksperimentoj, povas tiun dubon forigi, ĉar ĉi tiu aŭtoro supozas, ke pro vitaminmanko aperas disergio, kiu estas kunligita kun la foresto de rezistecaj fortoj kontraŭ infektoj eĉ sensignifaj, kiuj ĉe B - manko kaŭzas ŝanĝemajn malsanbildojn.

Vitamino C estas *kontraŭskorbuta faktoro*. — Pro ĝia manko aperas skorbuto. Vitamino C troviĝas en freŝaj legomoj, en brasiko, salato, precipe en terpomoj, en fruktoj, precipe riĉaj estas oranĝoj,

citronoj, beroj, k. t. p. Ĝi troviĝas en lakto, viando kaj en aliaj bestaj organoj. — Ĝia ĥemia kunmeto estas tute nekonata. Ĝi estas solviĝebla en akvo ; en ĉeesto de alkalioj per varmigo dismetiĝebla. — Acida reago de solvaĵo asekuras le dismetiĝon. Vitamino C ne aperas en besta organismo. — Oni supozas, ke la organismo havas iun provizon de vitamino C de la naskiĝo. — Se ni akceptos, ke tiu-ĉi denaska provizo de C individue estas malsama, oni komprenos, kial ne ĉiuj suĉinfanoj, kiuj estis nutrataj per la sama lakto, malsaniĝas je skorbuto.—La simptomoj de skorbuto ĉe la maturuloj estas konataj. Iom alie trakuras la skorbuto ĉe suĉinfanoj, tiel nomata *Möller-Barlow'a malsano.* — Rimarkinde estas ke ĉe la suĉinfano kaj ĉe la maturulo la C-Avitaminozo komenciĝas per antaŭskorbuta stadio, kiu ĉe suĉinfano ofte estas tre forte akcentata. Pulpsimilaj hemoragioj, eritrociturio, paleco, lokaj ŝvelaĵoj kaj ĝenerala akvoretencio, doloreco ĉe tuŝo d'ostoj, precipe de epifizaj regionoj, febraj kaj subfebraj temperaturoj karakterizas ĉi-tiun stadion.

Esenco de skorbuto estas iu distrofia perturbo, kiu estas kaŭzita per manko de C - vitaminoj en nutraĵo. Tiu distrofio kaŭzas ankaŭ anatomiajn ŝanĝojn, kiuj okaziĝas pro la Abela disergio.

(*Laŭ artikolo de D^ro Knöpfelmacher en Aerztliche Praxis* 1927. 3. *prilaboris* D^ro *Boruchowicz.*)

---

## MALLONGA RAPORTO PRI LA TUTRUSA FARMACIA INTERKONSILIĜO

En pasinta jaro la 25-30 septembro en la urbo Moskvo estis kunvokita tutrusa farmacia interkonsiliĝo ; la konferencon malfermis la popola komisaro de la Sano-Konservado de U. S. S. R. ; ĉeestis 587 delegitoj de ĉiuj naciaj respublikoj de la tuta U. S. S. R. kaj riprezentantoj de multaj sciencaj kaj profesiaj organizaĵoj. En centro de intereso de la multnombra kunveno estis diversaj temoj de scienca kaj praktika karaktero. Mi estis delegita kiel gubernia farmaciisto de la urbo Arĥangelsk (Nord-Rusujo). En unu kunsido de la scienca-praktika sekcio de la interkonsiliĝo post raporto de la farmaciisto Obergardo, farmacia aganto pri « 7a eldono de la rusa farmakopeo », mi proponis ke estus necese por tutmonda scienca-farmacia interligo, ke estu eldonita esperanta farmacia Kodekso-Sintezo de ĉiuj farmakopeoj. Post interŝanĝo de la opinioj oni decidis mian proponon transdoni al la farmacia fako de la popola komisario de la Sano-Konservado.

S^ro MAĤOVER (Arĥangelsk). (1).

---

(1) Ni atentigas Son Maĥover ke krom la grava verko de S-ro Rousseau ekzistas verko s. t. Rapport de la Commission de la Nomenclature pharmaceutique (kun esperantaj nomoj )Paris, 51, rue de Clichy, 174 paĝ. 1913). Ĝi entenas latinajn kaj esp. nomojn de kemiaj preparaĵoj kaj drogoj de 16 farmakopeoj. D-ro Bl.

La redakcio ne plu posedas ekz. de la ĵurnaleto « Kemio kaj Farmacio ». D-ro Br.

## POR LA PRAKTIKULO

D-ro I. FELS (LWOW). DIETO ĈE ĤOLELITIAZO KAJ ĤOLECISTITO

La dieto estas grava faktoro tiel ĉe akutaj kiel ankaŭ ĉe ĥronikaj malsanoj. La plej gravan rolon ĝi ludas en ekmalsaniĝoj de la digesta aparato kaj ties adneksoj (hepato, pankreaso, apendikso).

Plej certan efikon ni garantias se ni enmanigas al la suferulo precizan nomaron de la nutraĵoj al li permesataj kaj malpermesataj. Sube mi kunmetis tian nutraĵaron por suferantoj je galŝtonetoj kaj ĥolecistito laŭ spertoj akiritaj en multjara praktiko ĉe mezklasaj malsanuloj kun manĝaĵoj en nia lando konataj.

A). — Permesataj

1). — Manĝaĵoj :

*Kokinaĵo, bovidaĵo, hakita kaj kuirita malgrasa viando, malgrasa varma fiŝo, 2 molaj ovoj aŭ ovaĵo, malmulte da butero. Kaĉoj de rizo, tritika aŭ maiza grio kaj aliaj facilaj griaĵoj ; mola, freŝa kazeo.*

*Molaj legomoj plej bone pistitaj aŭ raspitaj : raspitaj karotoj, betoj, spinaco, junaj pizo kaj fazeolo, mola salato, kaŭlo* (1), *florkaŭlo* (1), *juna brasiko en malgranda kvanto, terpomoj nur pistitaj.*

*Fruktoj sole kuiritaj, vinberoj sen haŭtoj.*

*Biskvitoj, keksoj, bulkoj, pano, Grahampano nur sekaj sed ne freŝaj ne molaj. Facilaj desertoj : omleto, pudengo* (2), *delikataj vermiĉeloj, pladetoj, rompeblaj maldikaj kukaĵoj, facilaj knedloj kaj pastobuletoj.*

2). — Fluidaĵoj (nur varmaj) :

*Buljono, supoj farunaj, griaj, legomaj kaj fruktaj, dolĉa lakto, kafo, teo, kakao.*

B). — Malpermesataj

1) Manĝaĵoj :

*Fumitaĵoj kaj kolbasoj, grasa, malmola viando kaj rostaĵoj, anseraĵo, anasaĵo, ŝafaĵo ; grasa kaj malvarma fiŝo, gelatenoj, majonezoj, ĉiaj grasaj kaj blovigaj manĝaĵoj, lado, sebo, kaj osta medolo, cerbaĵo, hepato, spicaj, malmolaj fromaĝoj, bierfromaĝo* (3) *acida kremo.*

*Malmolaj, malfacile digesteblaj legomoj, dolĉaj kaj acidaj kurku-*

---

(1) Rimarko de l'a. « La artikolo instigas min al esperantigo de kelkaj nutraĵoj pri kio la diskuto estu malfermata. *Kaŭlo* (L. Caulis. G. Kohl). *Kaŭloraпo* (L. Caula rapa. G. Kohlrübe aŭ Kohlrabi. A. Kohlrabi. Pole Kalarepa). Do anstataŭ florbrasiko: *Kaŭlofloro* aŭ *Florkaŭlo* (G. Blumenkohl, Karafiol. A. Cauliflower. I. Kaval fiore. Pole Kalafjor).

Por kuiritaj pastopecoj aŭ buloj, mi proponas *Klusoj* (G. Klösse Pole. Kluski). Ĝi estas onomatopoja vorto. Se iu malprecize prononcas oni diras ĉe ni « Li parolas kiel se li havus *klusojn* en la buŝo ».

(2) Grabowski, Grosjean-Maupin uzas « pudingo » (A. Pudding).

(3) Kvargloj.

*moj ; acida brasiko, malmolaj terpomoj, rapoj, malmolaj pizo, fazeolo kaj fabo, malmola maizo kaj fungoj.*

*Krudaj ne kuiritaj fruktoj (eĉ oranĝoj) kaj grasaj nuksoj.*

*Ĉiaj freŝaj bakaĵo kaj pastaĵo, farĉitaj kukoj, malmolaj knedloj klusoj (pasto-buloj) kaj vermiĉeloj, dikaj, feĉaj kukoj kaj desertoj ; frukta glaciaĵo.*

*Ĉiaj akraj spicoj kaj rimedoj, pipro, papriko, mustardo (sinapo), kreno, bulbo, ajlo, rafano, harengo, sardenoj, salmo.*

2) Fluidaĵoj :

*Fortaj alkoholaĵoj, brando, fortaj kaj acidaj vinoj, malvarma biero, ĉiaj malvarmaj kaj bloviĝaj trinkaĵoj (karbonacida akvo), acida barĉo kaj brasika supo, grasa ĉokolado.*

RIMARKOJ

Malrapide manĝi, longe kaj bone maĉi eĉ molajn manĝaĵojn. Manĝi oftete sed ne multe per unufojo. Tial en la dieto de galŝtonsuferuloj pli gravas, kiom li konsumas ol kion li konsumas. Ofte la paciento jam mem spertis, kion li senpune povas manĝi kaj kiaj manĝaĵoj malutilas al li.

Post la tagmanĝo la suferulo kuŝu almenaŭ duonhoron. Ĉe sentemo aŭ premo en regiono de la galveziko li kuŝu du horojn kun termoforo surventre. Tiuokaze oni rekomendas ankaŭ 5 fojojn ĉiun kvaronhoron 100 gr. da varma mineralakvo (Karlsbad, Vichy, Krynica-Zuber, Neŭenahr, Tarasp k. s.).

Atenti regulan defekadon. Rekomendindaj estas movado en libera aero, oftaj, profundaj spiroj, kaj varmaj banoj. Eviti oni devas skuajn movojn kaj veturadon, levadon de pezaj objektoj kaj ŝarĝoj.

---

## *TERAPIO*

W STEIMANN rekomendas kontraŭ FROSTIĜOJ (perniones) glaciiĝon kun ĥloretilo. Sufiĉas mallonga glaciiĝo ĝis apero de unua facila neĝo. Pro certeco oni ripetas la glaciiĝon duan fojon. Post la glaciiĝo restas intensa longedaŭra hiperemio kaj la jukado kaj brulado ĉesas.

La sama aŭtoro rekomendas kontraŭ NAZKATARO unu guton de joda tinkturo en momento, kiam oni havas la senton de jukado aŭ malsekeco en la nazo, post kiu en 6-10 horoj komencas la kataro. Sed oni devas la guton tuj preni, eĉ dum la nokto, por subpremi la kataron. Se la kataro jam estas, oni prenu 3 foje tage po 1 guto da joda tinkturo. (*Münch. med. Wochensch.* 1926 n° 50).

O. STEIM rekomendas penikadon kun koncentrita hipermangana kalio ($KMnO_4$ 1 : 16) en ĉiuj HAŬTAJ BRULUMOJ KAJ PUSADOJ, kiel furunkoj, karbunkloj de nuko, komencantaj abcesoj, fingraj panaricoj, flegmonoj, same ĉe erizipelo, ekskoriacioj de mamo kaj anusa fisuro. Per vata peniko oni aplikas la solvaĵon 1-2 foje tage. La doloroj ĉesas kaj tre ofte la tranĉo fariĝas superflua aŭ la pusiĝado estas akcelata. La saman solvaĵon li rekomendas ĉe brulumitaj varikaj nodoj, obstina prurito de vulvo kaj vagino kaj cervikaj kataroj,

eĉ gonoreaj. La elfluaĵo baldaŭ ĉesas, nur la koncentrita KMnO4 makulas kaj truigas la tolaĵon. Tial oni elviŝu la vaginon per tampono trempita en la solvaĵo kaj atendu iom, ĝis ĝi sekiĝu, por ke la elgutanta fluidaĵo ne detruu la tolaĵon. (*Münch. medic. Wochenschr.* 1926, *nro* 50). D° FELS (Lwôw).

SIMPLA KAJ MALMULTEKOSTA RIMEDO POR PANSI LA BRULVUNDOJN. — D-ro Darquiez (Neuilly-sur-Seine) en « Journal des Praticiens » konsilas simple kovri la brulvundojn, post lavado, per gumigita tafto (t. n. ĉifono-tafto), antaŭe asepsigita per bolanta akvo. Aldonu vaton kaj rubandon. Neniam tiu tafto algluiĝas al la haŭto, do nek doloreto, nek sangadeto, ĉe la renovigo de la pansaĵo (ĉiutage). La vundo ne aspektas kiel kutime, kaj ŝajnas iom puseca, sed fakte la resaniĝo estas rapidega. Br.

---

## KURACADO DE LA ISĤIATIKA NEŬRALGIO.

D^ro L. RAMOND (Parizo)

*Laŭ etiologio.* — Kuracadi medicine reŭmatismon, podagron, diabeton, sifilon, paludismon, kaj *ĥirurgie* la pelvajn tumorojn aŭ la ostajn cikatrojn kiuj premas la isĥiatikon, la varikojn, la Pott' an malsanon.

*Pri higieno.* — Enlita ripozo ĉe gravaj doloroj ; ne uzo de bastoneto ĉar la malsanulo kutimiĝas apogi sur ĝi kaj baldaŭ ne plu povas ĝin flanken lasi.

*Pri internaj kuraciloj.* — Oni povas *interne* doni natrian salicilaton, aspirinon, fenacetinon, piramidonon, antipirinon. Ĉe tre akraj doloroj ofte tre bone agas malabunda klistero kun 60 gr. varmeta akvo, 1 grm. antipirino, dekkvin gutoj de laŭdanumo. Ne uzu injektojn de morfino.

Oni povas *loke*, je 3 ĝis 6 centim. de la trapaso de la nervo, injekti :

1) Ĉu *sendolorigajn solvajojn* (natria salicilato 5 p. 100, 1 aŭ 2 cmk, aŭ salicilata acido 1 p. 100, 1 ĝis 3 cmk).

2) *Ĉu revulsigajn solvajojn ekz* : alkoholo 90° entenanta antipirinon 15 ĝis 25 p. 100 *(Sicard)*, aŭ hipertonia serumo, aŭ distilita akvo *(Chauffard)*.

3) Ĉu isotonian serumon (solvaĵo de natria klorido).

4) Ĉu aeron *(Achard)* enblovitan ĉe gluteo, ĉe femuro, ĉe kruro, pere de blovaparato de termokaŭterizilo ; unue enigu la kavpikilon por certiĝi ke vi ne blovos aeron en vejnon, kaj poste enadaptu la blovaparaton ; sterilizu l'aeron trapasigante ĝin tra iom da vato en vitrotubeto.

5) Ĉu 10 cmk da sango de la malsanulo mem (aŭtohemoterapio. Noël Fiessinger).

Oni povas *en epiduralan spacon*, je kontakto de spinaj nervoj, injekti 10 ĝis 20 cmk de fiziologia serumo (solvaĵo de natria klorido) miksita kun 2 aŭ 3 cmk de solvaĵo de novokaino, stovaino, kokaino je 1 p. 100 ; dufoje semajne.

*La eksteraj rimedoj* estas multaj :

1) Revulsigiloj : malgranda vezikilpiastro, skarifkupoj, loka apliko kun tampono (stipaĝo) aŭ pulvorŝprucigo de metilklorido. Laŭ *Barré* senutilaj estas la fajropintoj.

2) Mildigantaj linimentoj ĉu kun metilsalicilato, ĉu kun kloroformo kaj laŭdanumo, opodeldok-balzamo, Rosen' linimento.

3) Fizioterapio : masaĝoj, rezinaj kaj sulfuraj varmaj banoj, varmaero, sun-banoj, blualum-banoj.

4) Elektroterapio. Ofte utila, sed uzu kontinuan fluon 50, 70 ĝis 100 miliamper, dum 40 minutoj almenaŭ, ĉiutage *(Zimmern)* ; oni povas ankoraŭ uzi l'ionizadon kun akonitino (2 miligr. po litro) *(Barré et Lavigne)* aŭ kun kalijodido (1 p. 1000).

5) Radioterapio. Rekomendinda (Babinski, Barré, Gunsett), precipe en la altaj isĥiatikaj neŭralgioj de funikla deveno.

6. Krenoterapio (terapio per la mineralakvoj) : kuracado ĉe Aix-les-Bains, Dax, Lamalou, Bourbonne-les-Bains, Bourbon-l'Archambault, Néris (1).

Oni ne plu sin turnas al la ĤIRURGIAJ METODOJ antaŭe uzitaj : nerva plilongigo aŭ tiretado, nerva erpilado (F. Hersage), neŭrotomio, parta neŭrektomio.

(*El Progrès médical* 30-10-26). BR.

---

# AUTOREFERATOJ

EL KUNSIDOJ DE « ZRZESZENIE LEKARZY »

D° GRYNKRAUT *(Warszawa)*. — *Kazo de uretera ŝtono forigita per helpo de diatermio.* — La aŭtoro prezentas rentgenogramojn (faritajn antaŭ la apliko de diatermio), kiuj videbligas la ĉeeston de ŝtono en malsupra parto de uretero. Ĉar la malsanulo ne konsentis je operacio, G. aplikis diatermion. Post unu seanso doloroj ĉe urinado ĉesis ; post la 4-a seanso la malsanulo eksentis, ke la ŝtono estas en urina veziko, aperis ankaŭ simptomoj de vezikincito. La malsanulo turnis sin al urologo por forigi la ŝtonon el la urina veziko, sed dum la urinado la ŝtono mem elfalis. La referinto klarigas la elfalon de ŝtono per la agado de diatermia varmo en profundaĵo de urina organaro, pro kio malspasmiĝis la glata muskolaro kaj resorbiĝis la infiltraĵoj en uretero, kiuj estis la kaŭzo de ŝtonhaltiĝo.

D^ro B. KRYNSKI *(Warszawa)*. — *El la kazuistiko de fremdaj korpoj en genua artiko.* — La kazo koncernas metalan kunkudron ĉe patelorompiĝo. La kunkudron oni faris antaŭ 28 monatoj. Pro ĥemiaj ŝan-

---

(1) La cititaj banurboj estas ĉiuj en Francujo, sed estas multaj aliaj banurboj rekomendindaj en la aliaj landoj. Ekz.: Baden (Germanujo), Trenčin, Pištjau (Ĉeĥoslovakujo), Svošovice (Polujo) k. t. p. Bl.

ĝoj la metala fadeno krevis je multaj drateroj kaj nun eniĝis en muskolon, kaŭzante ŝveliĝon kaj pusiĝon.

D<sup>ro</sup> Karczmar (*Warszawa*). — *Prolapso de vagino kaj utero ĉe novnaskitino.* — La gepatroj de infano sanaj ; patrino naskis kvinfoje. La trian tagon post la naskiĝo aperis ĉe la infano prolapso de vagino kun utero ; prolapso estas facile reenkondukebla. Krom la prolapso de seksaj organoj, oni konstatas ĉe la infano paralizon de ambaŭ malsupraj ekstremaĵoj, prolapson de rektumo, disfendiĝon de vertebraro (Spina bifida sacralis), kunkreskriĝon de tia kaj kvara fingroj ĉe la dekstra mano. L'a priparolas etiologion de suprepriskribita malsano.

D<sup>ro</sup> P. Goldstein (*Warszawa*). — *Kazo de torakoplastiko ĉe unu flanka pulma tuberkulozo.* — 29 jara, malsana de 1927. Pulma hemoragio. Klimatoterapio kun plibonigo, daŭrinta unu jaron. En j. 1919, gripo, post kiu sekvas plimalbonigo. Maldekstra pneŭmotorako, plibonigo longedaŭra. En jaro 1925 denove plimalbonigo, hemoragioj. Alta t° ĝis 39°. Pneŭmotorakon oni ne sukcesas fari, pro ekzisto de egaj pleŭraj kunkreskaĵoj. Restado en sanigejo — sen rezulto. Abundaj baciloj en kraĉaĵo. La rentgenogramo vidigas kelkajn grandajn kavernojn en meza lobo de maldekstra pulmo ; pleŭraj kunkreskaĵoj ; la dekstra pulmo en bona stato.

Tial la aŭtoro faris (II. VII. 26) torakoplastikon, forigon de malsupraj sep kostoj. 11. VIII. 26 G. faris la duan parton de operacio : forigon de 4 supraj kostoj. Unua intencio. La rentgenogramo, farita 2 semajnojn post la dua operacio, vidigas preskaŭ kompletan malsuprenigon de maldekstra pulmo, en apico malmulte da aero. 16. XI. 26, rea rentgenogramo certigas pozitivan operacian rezultaton. Kavernoj estas nevideblaj, t° norma. Malsanulino alprenis 5 kg. Restis eta tuso kaj tre malabunda sputo. Ĝenerala stato perfekta.

D° Abramowicz.— *Kazo de mallarĝiĝo de l'ezofago.*— L'aŭtoro prezentas 36-jaran viron, ĉe kiu post engluto de malgranda kvanto de sulfurata acido fariĝis cikatra mallarĝiĝo en kola parto de l'ezofago. Glutado de malfluidaj kaj duonfluidaj nutraĵoj estas neebla, glutado de fluidoj tre malfacila. Penadoj enkonduki la sondilon restis sensukcesaj. Ĝenerala stato de malsanulo rapide mizeriĝis. La ezofagoskopio vidigis ĉe 18-cmetra profundeco de la superaj hakdentoj envolvaĵon de la ezofaga lumo per firma cikatro kun flanke lokiĝinta eta malfermo, kondukanta, kiel oni poste esploris, al la lumo de l'ezofago.

Sistema larĝigado per larĝigiloj de Bouchard bone sukcesis ; post monato la mallarĝa loko tralasis N° 25-an de larĝigilo. La paciento nun facile glutas fluidojn kaj duonfluidojn. De unu semajno englutas sen malhelpo eĉ sekajn nutraĵojn.

D<sup>ro</sup> L. Schlager (*Warszawa*). — *Kelkaj fremdaj korpoj en la digesta kanalo.* — La malsanulino englutis dum matenmanĝo kudrilon. Rentgena tralumigo ne konstatis fremdan korpon en la digesta kanalo. Post kelkaj tagoj, kiam la ventrodoloroj ne ĉesis, oni decidis fari rentgenologian kliŝaĵon. La lasta vidigis tri kudrilojn. Aŭtoro substrekas, ke ĉe serĉado de fremdaj korpoj en la digesta kanalo oni ne

devas limigi sin al la sola rentgena tralumigo, sed ĉiam pretigi kliŝaĵon, ĉar nur la lasta decidas pri la ĉeesto aŭ foresto de fremda korpo.

D<sup>ro</sup> B. CHORAZYCKI *(Warszawa)*. — *Kazo de laringa karcinomo kun bona trakuro.* — Ĉe 54-jara paciento B. forigis antaŭ 4 jaroj lentograndan polipon kun aspekto de ordinara fibromo, kiu estis lokita ĉe la rando de antaŭa parto de dekstra voĉkordo. Mikroskopa esploro montris karcinoman strukturon. Dum 3 1/2 jaroj la voĉo de la paciento estis tute bona, sed antaŭ 1/2 jaro li revenis kun raŭkeco. Ĉe laringoskopa esploro oni trovis en la sama loko pliampleksan pizgrandan polipon kun aspekto de brasika bulvo.Oni nun ne sukcesis forigi la tutan polipon. Por forigi ĝian bazon oni uzis pinĉilon de Schœneman, eltranĉinte ankaŭ randan zonon de antaŭa duono de voĉkordo, kiu ankoraŭ nun prezentas etan mankon. Mikroskopa esploro denove montras karcinoman strukturon. La paciento havas bonan voĉon.

Aŭtoro substrekas la klinikan favorecon de tiu kazo, kiu ne postulas radikalan operacion. Sed la paciento devas resti sub konstanta kuracista kontrolo.

*Tradukis* D<sup>o</sup> L. BORUCHOWICZ.

*P-ro TYTGAT.* (*Gent. - Belgujo*). *SIMPLAJ KONSIDERAĴOJ PRI GALVOJA ĤIRURGIO.* (*Vlaamsch Geneeskundigi Tijdschrift*, 1927, *n*° 7).

En tiu prelego, en kiu li klarigas siajn ideojn pri kelkaj punktoj de la hepata ĥirurgio, la aŭtoro atentigas unue pri la neceseco de intima kunlaborado de medicinisto kun ĥirurgiisto, tiom je la vidpunkto de la diagnozo, kiom je tiu de la operacia indiko kaj de la postoperacia kuracado, kies la gravecon oni ofte malkonas.

Hepataj malsanoj ne estas ekskluzive ĥirurgiaj. Estas nur en bone fiksitaj kazoj, ke la ĥirurgio rajtas ludi sian rolon.

Tiamaniere, en kazoj de kronika ŝtondona ĥolecistito, operaciaj indikoj povas naskiĝi, de pligraviĝo de la simptomoj : doloro, infektado, digestaj malordoj.

Pri la akuta ŝtondona ĥolecistito, la aŭtoro emas forlasi la antiflogistikan terapion ĝis remalvarmiĝo, kaj akcepti la ideon de frua operacio.

Li priskribas la indikojn de la ĥolecistostomio kaj de la ĥolecistektomio.

Li studas ankaŭ la demandon pri la operacio en kazoj de ŝtona obstrukco de ĥoledoĥo, kaj li forte atentigas pri la neceseco, por la kuracisto, ne persisti tro longtempe per kuracila terapio.

Li kredas, ke estas necese atendi por doni sian opinion pri la emo, videbla precipe en Germanujo, operacii ĉiujn kazojn de ŝtona malordo de la hepataj vojoj, tuj post la diagnozo.

(*Speciale verkita por I. M. R. Trad. Kempeners.*)

D-ro BREMON (BARCELONO). *RADIOGRAFIO DE LA DUODENO. GRAVECO DE LA LAŬSERIAJ RADIOGRAFAĴOJ KAJ PRISKRIBO DE NOVA PRAKTIKA FILMKESTO* (*El Revista de diagnosti-*

*co y tratamiento fisicos. Oktobro* 1926). La ĉefaj malsanoj kiuj donas al duodeno aspektojn radiologie diagnozeblajn estas la periduodenito, malsano de la najbara galveziko, kaj, kiel aŭtoktona, la ulcero ; nune oni ankaŭ akceptas la esencan periduodeniton.

Anstataŭ la formo de la norma duodena bulbo laŭ ĝendarma aŭ episkopa ĉapelo, ĝi prezentas deformaĵojn el kiuj la plej citindaj estas : 1) bulba deformaĵo, konata ĉe la aŭtoroj sub la nomoj, pina folio, korala branĉo, trifolio, vermiforma sprono, pilora sprono. 2) Haŭdek'a niĉo, ĉu en la pura primitiva signifo de penetranta ulcero, ĉu en la nuna signifo de manko de substanco en la duodenaj muroj formante ujon kie restas la barito. 3) Kuntiriĝo de la malgranda kurbeco. 4) Necentrita piloro. 5) Preulceraj divertikloj. 6) Bilokulacio. 7) Neebleco de bulba formiĝo.

Unu sola radiografaĵo de la duodeno nenion valoras. Nur la laŭseria radiografio havas sian plenan valoron. Ekzistas multaj filmkestoj por multigitaj radiografaĵoj, sed ili estas tre multekostaj. Nia modelo estas : 1) Tre ekonomia por konstruo. 2) Facile adaptebla al iu ajn radiologia muntkadro aŭ tubtenilo. 3) Ŝparanta tempon kaj monon. Unu filmo 24 × 30 en unu filmkesto kaj 2 fortigaj ekranoj egalvaloras 4 malgrandajn filmojn kaj 8 fortigajn ekranojn.

*Estas aldonitaj al la artikolo fotografaĵoj de malsanaj duodenoj kaj skemo de la nova filmkesto tiel simpla ke ĝi ŝparas la priskribon.*

SIMIGI, GIUREA KAJ DIMITRIN (BUKAREST). *INFLUO DE L'INSULINO JE LA MOVA FUNKCIO DE L'STOMAKO* (El *Archives des Maladies de l'appareil digestif* 1927 N° 1). — Insulino posedas energian influon je la movada kaj malpleniga funkcioj de la stomako, nome ĝi instigas la movojn kaj samtempe plirapidigas la malplenigon de l'enhavo. Tial insulino povus esti utila por la kuracado de kelkaj formoj de stomaka atonio, akompanataj (aŭ ne) de depresio de la stomaka sekrecio, de malgraseco kaj de ĝenerala malforto.

W. R.

FLASSLY kaj FRIED (Lausanne). *APLIKADO DE « YATREN 105 » EN LA KRONIKA AMEBOZO.* (El *Arch. des Maladies de l'appareil digestif* 1927 N° 2). — La aŭtoroj observadis tre obstinan kazon de ulcera postdisenteria proceso en rektumo kaj sigmojda fleksuro. Oni aplikis senefike emetinon, stovarsolon, klisterojn de « 606 » ktp. La malsanulo tre malgrasiĝis, havis ĝis 18 elpuraĵojn dum tago, tenesmojn, dolorojn. Tiam aŭtoroj provis la « Yatren 105 » de Behringaj fabrikoj kaj donis komence perbuŝe 3,0 tage dum 6 tagoj kaj poste en formo de klisteroj (200,0 de 3 % solvaĵo kun 20 gutoj de opiumo), krome la paciento ricevis 3 supkulerojn tage de bismuto. La rezultato montriĝis bonega : la nombro de elpuraĵoj falis ĝis 2-3 tage, ili estis preskaŭ formitaj, sen tenesmoj. Rektoskopio konfirmis la plibonigon de ulceraj procesoj, la malsanulo rapide resaniĝis.

« Yatren » estas jodoxyĥinolina-sulfo-acido, prezentas sin kiel pulvoro, havas nur malgrandan toksikemecon.

W. R.

RESUMO DE AŬTOREFERATOJ DE *T. TOOGU* EN *IĴI ŜINBUN*, Japana Medicina ĵurnalo.

N° 1203 (10-1-27).

*Kazo de aktinomikozo* de D-ro Toda-Ŝirobei. — Unue aperinta ĉe femuro la tumoro aspektis kiel sarkomo aŭ kiel fibromo.

*Malofta j komplika joj de infana disenterio, de* D-ro Tanaka - Toŝio. — L'a observis meningiton, anusprolapson, dekubitan eskaron.

N° 1204 (25-1-27).

*Vaporduŝo kiel nova metodo de vundokuracado* de Haruna-Hidejuki, el la Instituto por fizika terapio de Keio Universitato. Efika metodo uzita de l'a. ĉe 84 kazoj de multspecaj vundoj, kelkaj tre grandaj, tre malnovaj. Konsistas je elŝprucigo de vaporo (kun premo de 25-30 funtoj el tubo kun kalibro de 4 mm.) je distanco de 40-50 cm. ; temperaturo 45° C ; daŭro de duŝado : 30 minutoj. La reboniĝo okazis tre rapide kaj vundcikatroj estas glataj, senfaldaj.

*Kronika limfa leukemio* de Suga-Ĥiroŝi kaj Wasio-Tomi el la dua medicina kliniko de Niigata Medicina Fakultato (Prof. Saŭada). 53-jara viro. L'a. aplikis Rentgenradiojn kaj arsenpreparaĵon. Nenia influo sur la sango kaj sur la limfomoj, kaj tamen subjektive la paciento sentis sin tre pliboniĝita.

N° 1205 (10-II-27).

*Kazo de karcinomo devenanta de Radioterapio* ripete aplikita dum unu jaro pro ĝenerala kronika ekzemo de D-roj Andoo-Rjoo kaj Oocuka-Torakiĉi.

N° 1206 (25-II-27).

*Pri denseco de hidrogena jono de la histoj de diversaj organoj dum febra tempo*, de Ogaŭ Ĝuntaroo, el la med. kliniko (prof. Inada, Tokio).

*Radioskopia pruvo de l'galveziko per injekto de Tetrajodfenolftaleino*, de D-ro Tadokoro Rjookiĉi (Keio). El 36 kazoj l'a. akiris pozitivan rezultaton ĉe 16. Dozo 3-4 grm. La ombro de la galveziko vidiĝas plej evidente 15-18 horojn post injekto.

*Abortoj per radiado de Rentgenradioj*, de Hirakuri Sakae kaj Nogi Mikio (Keio). L'a. aplikis kastrantan dozon al du gravedulinoj de 2 kaj 4 monatoj, ĉe kiuj estis necese interrompi ankaŭ estontan gravediĝon. La aborto okazis post 45 tagoj ĉe la unua kaj post 60 tagoj ĉe la dua.

# REFERATOJ

H. Koopmann kaj E. Krüger *(Hamburgo)*. — *PRI LA ĤRONIKA DISENTERIO. (Medizinisch Klinik 1926, nro 52).* — La aŭtoroj publikas siajn observojn ĉe 80 kazoj de ĥronika disenterio el la hospitalo kaj anatomia instituto kaj venas al sekvantaj konkludoj. La ĥronika disenteria infekto kun la tipo Y estas tre disvastigata sed en formoj larvataj, precipe en junula aĝo kaj tuberkuloza afekto. La infektebleco de la ĥronika disenteria infekto estas kvankam pruvita sed tamen ne altgrada. La bakteria esploro de la fekaĵoj estis ĉiam negativa sed la Widal-reakcio kun la gento Y ĉiam pozitiva. La lokoj prefere atakataj de la disenteriaj baciloj, kie ili longan tempon povas resti latente kaŝataj, estas la intestaj adneksoj galveziko, pankreaso kaj apendikso. La ĥronika disenteria infekto estas relative benigna malsano. Kvankam ĝi montriĝas iafoje tre obstina, ĝi tamen estas nepre kuracebla. La aŭtoroj aplikis kiel terapion injektojn de omnadino (Much) kaj de disenteria serumo, sed poste interne jogurton kaj fine la altvalidan jogurtpreparaton « Imbak nro 6 ». Omnadino tute ne influis la Widal-reakcion, la serumo malmulte, jogurto pli, sed plej efika estis la jogurtpreparato « Imbak nro 6 ».

D° FELS (Lwôw).

F. MORITZ. *PRI SPECIFAJ MALSANOJ DE SANGOVAZOJ.* — *(Münchener med. Wochenschrift,* 1926, 31).

La aŭtoro okupiĝas en tiu ĉi artikolo speciale je sifiliso de aorto. Pro nekonataj kaŭzoj tiu ĉi malsano limiĝas je toraka porto de aorto kaj povas havi kiel siajn konsekvencojn la plilarĝiĝon de la aorto, ĝian aneŭrismon, diferencan pulson de karotikoj kaj radiusaj arterioj, se la proceso mallarĝigas la lokon de komenco de la karotika kaj subklavikla arterioj, kaj fine atakojn de « *angina pectoris* » aŭ eĉ subitan morton, se la proceso lokiĝas en komenco de koronaj arterioj. Tre ofte la sifilisa proceso atakas la aortajn klapojn kaj aperigas ilian difekton. En komenco de tiu ĉi malsano, kiam ne estas ankoraŭ atakitaj la komencoj de gravaj arterioj aŭ la aortaj klapoj, ĝi povas ne doni motivojn por plendoj. Tamen la diagnozo en tiu ĉi unua periodo estas tre grava, ĉar la specifa kuracado en tiu ĉi periodo povas doni plej bonajn rezultatojn. La sekvantaj fruaj objektivaj simptomoj de tiu ĉi malsano estas laŭ la aŭtoro tre valoraj por la diagnozo : 1) Klara akcento aŭ ne malofte ankaŭ metala karaktero de la 2a aorta tono sen samtempa rimarkebla pligrandiĝo de arteria sangpremo ; tiu ĉi akcento dependas de pli forta resono de klapofermo en la rigida aorto ; la plifortiĝo de 2a tono en samtempa pligrandiĝo de arteria sangpremo renkontiĝas ĉe arteriosklerozo multe pli malofte, ol ĉe aorta sifiliso. 2) Sistola bruo inter la 1a kaj 3a dekstra interripo ; la bruo dependas de pli forta sangovortiko en plilarĝiĝita vazo kun malglataj parioj ; la sistola bruo ĉe aorta stenozo kombiniĝas kun pli malforta 2a tono, kiu povas eĉ tute foresti.

3) Diferenco de grandeco de pulso inter ambaŭ karotikaj aŭ radiusaj arterioj 4.) Klara pulsado en jugulara incizuro, pruvanta la plilarĝiĝon de aorta arko, kaj 5) Rentgena pruvo de aorta plilarĝiĝo. Priparolante la rilaton de sifiliso al la malsanoj de aorto, la aŭtoro diras ke laŭ sperto de patoligianatomiistoj la aneŭrismo de aorto, estas prave en 100 % kaŭzita de sifiliso. Ĉe nesufiĉeco de aortaj klapoj, se ni povas anamneze ekskludi la artikan reŭmatismon, ni devas pensi pri sifiliso en ĉiu kazo de « *angina pectoris* » precipe en aĝo de 40-50 jaroj.

Energia frua kuracado de aorta sifiliso povas tre bone efiki. Per longedaŭra specifa terapio sukcesis la aŭtoro ne unu kazon de tiu ĉi malsano klinike sanigi aŭ almenaŭ fari stacionara. Precipe bone reagas la kazoj de sifilisa « angina pectoris », se la energia kuracado komenciĝas sufiĉe frue. La plej bona rimedo estas salvarsano, donata 2-3 foje dum jaro en kvantoj ĝis 4-5 grm. en ĉiu serio. Ankaŭ bismuto kaj hidrargo, la lasta plej bone kun salvarsano, povas esti sukcese uzataj. Tre utila estas ankaŭ la kalia jodido en dozoj de 3 grm. kaj pli dum tago. La aŭtoro donas volonte la lastan rimedon dum longa tempo inter la salvarsanaj kaj bismutaj serioj. La salvarsana aŭ bismuta kuracado devas necese daŭri 3-4 jarojn. Oni ne devas esti tro optimista kaj interrompi la kuracon, se post kelkaj salvarsanaj injektoj la farto de malsanuloj pliboniĝas.

D° I. KRENICKI.

M. FEJGIN (Warszawa). *GELATENO, KIEL HELPA NUTRA FAKTORO* (*Warszawskie Czasopismo Lekarskie* 1926, 4).

La klinika medicino ĝis nun tre malmulte interesiĝis pri gelateno, kiel nutraĵo kvankam tiu ĉi nutraĵo havas ecojn, meritantajn nian atenton. Nome, kiel koloido konservanta, ĝi malfaciligas la precipitiĝon el solvaĵoj de malfacile solveblaj saloj, kiel kalciaj sulfato, trifosfato kaj karbonato, silicia acido k. t. p. Plej grave estas, ke ĝi malfaciligas la precipitiĝon de lakta kazeino en ĉeesto de saloj kaj acidoj kaj plifaciligas la emulsiiĝon de grasoj. Aldono de malgranda kvanto da gelateno al bovina lakto povas kaŭzi la precipitiĝon de bovina kazeino en stomako de suĉinfano en formo de malgrandaj faciledigesteblaj pecetoj. Faciligante la emulsiiĝon de grasoj, la gelateno povas esti aplikata en malsanoj de galaj vojoj, kie la manko de galo en duodeno malebligas la normalan emulsiiĝon, disfalon kaj asimiliĝon de grasoj. Kiel proteina substanco facilesolvebla kaj faciledigestebla, la gelateno povas liveri al organismo grandan parton da necesaj azotaj substancoj. precipe en kazoj, kie estas necese limigi la donadon de albumeno en ĝia ordinara formo (viando, lakto), kiel ekzemple ĉe diabeto : ĉe tiu ĉi malsano la gelateno, plimalaltigante la disfalon de proteinaj substancoj, povos eble bone influi la toleremon kaj malgrandigi la tendencon al acidozo.

D° I. KRENICKI.

S. RUBINROT (Warszawa). *RENTGENOTERAPIO DE STOMAKA KAJ INTESTA ULCERO.* (*Warszawskie Czasopismo Lekarskie*, 1926, 7.)

La aŭtoro turnas nian atenton pri verkoj de sufiĉe multaj kuracistoj, kiuj atingis tre bonajn rezultatojn dank' al rentgenoterapio de

stomakaj kaj intestaj ulceroj. Ankaŭ la aŭtoro ricevis tre bonajn rezultatojn en siaj dekkelke da kazoj de tiu ĉi malsano kaj tre varme rekomendas tiun ĉi metodon de kuracado. Li aplikas 2 grandajn kampojn-antaŭan kaj malantaŭan, donante je ĉiu kampo po 1/3 aŭ 1/2 da dozo 2 aŭ 3 fojojn kun semajnaj interrompoj. Malgraŭ la malgrandaj dozoj la malsanuloj reagas ordinare sufiĉe forte : post kelkaj horoj aperas naŭzo kaj iam vomado. La sekvantan tagon tiuj ĉi simptomoj malaperas.

D° I. Krenicki.

D-ro VAN LINT (Bruxelles) OLTAMIKA ZONO KAJ ZONO DE LA SUPRA MAKZELA NERVO (El Bruxelles médical 13-3-27)

René Lachaire (Tezo Lyon 1924) en tuta medicina literaturo trovis nur 26 kazojn de samtempeco de tiuj du zonoj. La kazo de D-ro Lint (*kies*




*kliŝaĵo estis kun afabla permeso de l'a. pruntedonita de « Bruxelles médical »*) koncernas 42 jaran viron ĉe kiu la zonoj evoluis ĉe maldekstra flanko sen specialaĵoj. La okulaj simptomoj estis nur tiuj de konjunctivito: ruĝeco, larmetado, sekrecio, fotofobio.

Br.

C. CALLERIO. *PRI LA AGADO DE LA PIOGENAJ STREPTOKOKOJ JE LA LAKTO.* (*El sama Ĵ. N° 1*). — Ĉiuj piogenaj streptokokoj eĉ la plej malforte acidigaj kazeigas la lakton kondiĉe ke ĝi estu sterilizita per ne tro forta kaj longa varmigado, kaj ke oni aldonu al ĝi iom da senfibrinigita sango. D. C.

F. SIMONETTI. *NOVA FLUIDA KULTURILO POR LA SERĈO DE « VIBRIO CHOLERÆ ASIATICÆ » EN LA HOMSTERKO : LA ALKALALBUMENA SOLVAĴO.* (*El l'Igiene moderna* 1927 N° 2). — Pere de provoj faritaj per miksaĵoj de sanula sterko kun ĥolermikroba kulturaĵo l'a. ektrovis ke la *alkalalbumenaj solvaĵoj* taŭgas por la riĉigo pli multe ol la kutima *peptonakvo*.

Preparado de la diritaj solvaĵoj :

A) *Bierfeĉa solvaĵo* : Bierfeĉo 100 grm. ; bone knedu kun normala KOH 10 kcm. konservu ĉirkaŭ 7 horojn je ordinara T°; poste aldonu : akvo 1.000 Nacl 5 grm. Varmigu unu horon per fluanta vaporo. Filtru per papero. Sterilizu je 112° ĉ. dum 30'.

B) *Liena Solvaĵo* : Oni aldonu KOH kiam oni enmetis kaj miksis la haketitan lienon en la akvon. La ceteron same kiel suba.

D. CARBONE.

HOWARD DITTRICK. *ANTAŬTEMPA GRAVEDO.* (Precocious Pregnancy). (*El Jour. A. M. Association* 5 III. 27). — Per supra titolo la aŭtoro nomas la staton de la gravedeco ĉe trejunulinoj.

Maturiĝo de la Graafaj folikloj okazas longe antaŭ la puberteco, kaj (laŭ Chaddock) eĉ duaj gravedecoj okazis antaŭ la aperiĝo de menstruacio.

En arĥivo de 1858-1918 (laŭ Lenz) estas trovataj 130 kazoj de puberteco antaŭtempa sed nur 11 trofruaj gravedecoj. Laŭ Münzner, la mentala maturiĝeco estas sendependa de la korpa maturiĝado; sed, la intelekteco pli konformiĝas kun la aĝo. Do, tial la gravedeco malofte okazis inter la pubertece antaŭtempaj.

La plej juna kazo de gravedeco (raportita en Lancet) estis ĥina patrino ĉe aĝo de 7 jaroj, kaj patro de aĝo de 8 jaroj. Laŭ Hirst, knabo de 13 jar. fekundigis sian fratinon 14 jaran. Bodd raportis pri unu knabino kiu estis 8 jara kaj 10 monat. kaj la infaneto pezis 3.500 grm. Laŭ Dorland, ekzemplo de fruaj kazoj raportita estis knabino kiu menstruaciis en 4a jaro. kaj naskis vivan infanon kiam ŝi estis 8 jara. Wharton kaj Stille raportis pri infano kiu menstruaciis dum ŝia unua jaro, kaj naskis infaneton (kiu pezis 3,5 kgrm.) kiam ŝi estis 9 jara. Pittman raportis kazon de negrulino en aĝo de 9 jar.+24 tagoj kaj 95 cm. alta, kiu pezis 34 kgrm. kiu naskis infaneton kiu pezis 3,2 kgrm. Gleaves raportis pri patrino 10 jara kiu naskis infaneton, 2,3 kgrm. En junio 1910 estis raportite pri negrulino en aĝo de 10 jaroj, kiu naskis infaneton 2, 8 kgrm, kaj la patrina avino estis 13 jara kiam ĉitiu patrino estis naskinta ; do, la avino estis 23 jara. Wehefritz raportis pri patrino de 11' jaroj 2 mon. kiu naskis infaneton 3.700 grm., sed ŝi aspektis kvazaŭ 18 jara, kaj la patreco estis atribuita al duonpatro. Scott citis patrinon 12 jaran kaj patron 14 jaran. Boldt raportis pri kazo ĉe 12 jara + 8 mon. kun kuntir-

igita pelvo kiu havis gravan konvulsion kaj ĉe kiu cezara operacio estis farita.

Harris, ĉe Johns Hopkins, inter 10.000 kazoj havis nur 2 kazojn de gravedeco ĉe 12 jaroj. William havis 3 kazojn ĉe 12 kaj 6 ĉe 13 jaroj. Wilkinson citis negrulinon 13 jaran 9 mon. + 5 tagojn, kiu naskis ĝemelojn.

Ĉe la « The Retreat », en Cleveland, Ohio, kie nur blankaj knabinoj estas servataj 3321 naskoj okazis depost 1869 ; 6 kazoj sub aĝo de 13 jaroj estis trovitaj kiel jene : — Patrino 13 jar. (infanetino), patreco atribuita al duonpatro ; patrino 12 jara (infanetino) kaj, patro knabo de 15 jaroj ; patrino 13 jara (knabineto), patreco ne registrita ; patrino 13 jara (knabineto) patreco duonpatro ; patrino 13 jar. (knabineto) patreco knabo 17 jara. La Cleveland Humane Society raportis jene : Negrulino 10 jara + 5 monatoj estis graveda kaj la patro estis negrulo 10 jara ; negrulino 11 jara + 11 mon. naskis infaneton kiu estis idiota kaj vivis nur unu jaron kaj 7 monatojn.

Lastatempe jena kazo estis servita ĉe la « The Retreat », kiu estis kontrolita per urba naskregistro : Knabino 11 jara + 10 mon. 22 tag., naskis infaneton (knabon) 3 kgrm ; patro estis junulo 18 jara. Ŝi havis 3 menstruaciojn antaŭ gravedeco ; ŝi estis Kroatino sed loĝis en Usono 3 jarojn. Ŝia korpo kaj mamoj estis bone evoluitaj ; iom da haroj sur la puba regiono. Ŝia alto estis 160 cm.; pezo 57 kgrm. ; pelvo estis jene : Interspina = 23 cm., interkresta = 26 cm. ; ekster. konjugata = 18 cm. La unua stadio de akuŝo dauris 11 hor. ; dua = 3 3/4 hor. kaj la tria = 20 minutojn. Pozicio = maldekstre okcipanterior ; nasko ĉe plentempo kaj spontane. Post nasko : La perineo aperis tre malmulte ŝvelita aŭ cianoza kaj eĉ nenia ŝireto. Tiel montriĝas la rimarkinda elasteco de la histo ĉe la frua aĝo. La patrino kaj infaneto bonsaniĝis.

Prognozo : Pasinta sperto kun ĉi tiuj fruaj primiparoj pravigas bonan prognozon por patrino kaj infano. La infano estas kutime malgranda kun mola kapo ; kaj la pelvaj ostoj de la patrino estas pli cedemaj ol en posta aĝo ; la molaj histoj estas pli elastaj en ĉitiu aĝo ; tial plej multo da junulinoj naskas spontane kaj Cezara operacio estas tre malofte necesa.

D-ro LINK (Saint-Louis).

G. MANCA. *PRI LA ĈEESTO DE « MONILIÆ » EN LA KRAĈAĴO DE PULMTUBERKULOZULOJ.* (El *Giornale di Batteriologia e immunologia* 1927 N° 1.). — En la kraĉaĵo de tiaj malsanuloj oni trovas ofte diversajn specojn da « monilia ». Ĉar ili estas plej oftaj tiam kiam okazis pulmulceriĝo kaj ĉe malbonaj ĝeneralaj kondiĉoj, l'a emas opinii ke tiuj mikroboj estas nur saprofitaj.

D. CARBONE.

---

*LA FLARSENTO.*

D-ro F. A. Hampton, 59, Queen Anne Street London W-1 deziras interŝanĝi resumojn de originalaj artikoloj pri la flarsento, la esencaj oleoj kaj plantodoroj. Li dankeme ricevos individuajn observaĵojn kaj volonte interkorespondos.

A. V. FERRARI. *WASSERMAN'A REAGO KAJ LEPRO.* (*El sama Jurnalo* N° 1). — La serumo de la lepruloj estas nek W+, nek antikomplementa kiam ĝi estas tute freŝa, sed post pli longa konservado ĝi iĝas tia.

D. CARBONE.

D-ro LEPOUTRE (Lille). *REVIVIĜO, PER ENKORA INJEKTO DE ADRENALINO, DE ŜAJNE-MORTINTO, ĈE DUMASNESTEZIA SINKOPO.* (*Journal des Sciences médicales* de Lille, 27-3-27). — Maljunulo, 65 jara, de kelkaj tagoj abunde urinadis sangon ; cistoskopio neebla pro grandega hernio nereduktebla. Eble vezika kankro ; cistotomio urĝas.

Operacio. 9-3-27. Lumba anestezio (0.10 centigrm. sinkaino inter la 3a kaj la 4a lumbaj vertebroj. Post dek minutoj, ĵus antaŭ operacio la respirado iĝas malregula kaj baldaŭ ĉesas. Palega vizaĝo. Malgraŭ rapidaj injektoj de kamfora oleo, kafeino, etero, la situacio plimalboniĝas. La malfermataj okuloj aperigas pupilojn nek dilatiĝintajn nek kuntiritajn ; la kornea reflekso mankas. Pulso nea ; korbatoj neaj. Morto ŝajnas certa.

L'a. en la 4an interripan spacon penetrigas kavpikilon ; tiu ĉi ne moviĝas ; do koro haltiĝis ; li aspiras iom da sango por certiĝi ke la fino de la kavpikilo estas enkore, kaj tuj injektas 1 cmk de solvaĵo de adrenalino je 1/100. Post kelkaj sekundoj respirmovadeto, kaj rapide la pulso reiĝas ; la malsanulo ekkonsciiĝas kaj petas ĉu la operacio estas finita. Vera reviviĝo.

L'a. praktikas cistotomion ; neoperaciebla vezika kankro ; drenilo ; suturoj. La operaciulo, kiu kuŝis laŭ Trendelenburg-deklliveco, estas horizontalen relokita. Je tiu momento nova sinkopo aperas ; reinjekto de adrenalino ne ŝajnas sukcesi kaj oni praktikadas artefaritan respiradon. Nur post horkvarono la operaciulo rekonsciiĝas. Malrapida pliboniĝo sed tamen operacia resaniĝo.

Konklude la injekto de adrenalino estas tute rekomendinda en gravaj kazoj de anesteziaj sinkopoj, kaj oni devas ĉiam pretigi solvaĵon de adrenalino antaŭ ĉiu anestezio, sed oni devas samtempe uzi la artefaritan respiradon.

Br.

R. URBANTSCHITSCH (WIEN). *LA SCIENCA BAZO DE LA VIVOĜOJO.* — (*Wiener medic. Wochenschr.* 1927, *n-ro* 4). — La vivoĝojo rezultas senpere el la funkcioj de niaj ĉeloj. La edukado devas disvolvigi kelkajn ĉelgrupojn, kiuj elvokas barantajn fluojn, alie la homo ne povus kulturiĝi. La homo devas siajn impulsojn tiel same prudente bridi kiel sian resistemon ; sed impulso kaj resisto ne regu senkonscie la homon. Por nia vivoĝojo ni ne bur bezonas la energiojn rezultantajn el la ĉelfunkcio, sed tiuj energioj devas sin ankaŭ libere kaj harmonie en ni evolui. Ordigita celkonscia volo faras la homon fortika persono. Ordigitaj en ni kaj egale direktataj energioj povas ekveki en ni ne sentitajn fortojn, kiuj plenigas nin per feliĉo kaj vivoĝojo.

Resume do la vivoĝojo de homo kaj de ĉiu viva estaĵo dependas de

tri faktoroj : 1) de la vigla ĉelfunkcio ; 2) de la sencema ekvilibro inter impulso kaj resisto ; 3) de la ordiĝita celkonscia evoluo de la energio. Iu pli ni tiujn ĉi naturpostulojn malatentas, despli la vivoĝojo fariĝas vivoturmento.

D-ro FELS.

TRUMPP (MUNĤENO). *KURACADO DE LA GRIPO.* (*Münch. med. Wochenschr.* 1927, *n-ro* 5). Oni elektu por la malsanulo la plej helan, plej sunan kaj plej aeruman ĉambron. La fenestro estu tage kaj nokte malfermata, sed la malsanulo gardata de ĉia trablovo. La sternaĵo estas tre grava, anstataŭ plumaĵo kelkaj lanaj kovriloj. Por gardi la korpon de plua intoksikado oni apliku 3 foje tage jenajn pulvorojn : « *Camphor. trit. Acid. benzoïc. āā* 0.05-0·15 *Pyramidon* 0.2-0'5 *Sacchar. lact.* 0'5. » Por forigi la malsanovenenon el la organismo oni instigu la haŭtan kaj intestan funkciojn per mallongedaŭraj varmegaj banoj de 40°C, 1-2 minutoj kaj per malvarmetaj klisteroj de 25° C. La dieto konsistu en la unuaj tagoj esence el fruktoj kaj ĉe deziro el pure sekala pano kun butero. Ĉiujn kelkajn horojn gargari kaj refreŝigi la buŝkavon kaj ankaŭ purigi la dentojn kaj gingivon per pura akvo.

D-ro FELS.

*TOKSIKOLOGIO*

J. OBARSKI (*Varsovio*). *HAŬTAJ SIMPTOMOJ KAJ MALORDOJ EN LA PERIFERIA NERVA SISTEMO EN KAZO DE AKUTA VENENIĜO KUN ARSENIKO.* (*Polska Gazeta Lekarska* 1927, *nro* 5). 28 jara servistino solvis blankan arsenikan pulvoron en duonglaso da akvo kaj eltrinkis en memmortiga intenco. La nesolvita parto de la pulvoro restis sur la fundo de la glaso. Ŝi baldaŭ ricevis frostotremojn, naŭzojn kaj vomojn : La kuracisto de la sava helpejo elpumpis la stomakan enhavon kaj venigis ŝin en hospitalon. Tie ŝi ankoraŭ kelkajn fojojn vomis, sed dum la sekvintaj 4 tagoj ŝi suferis krom ioma malforteco neniajn veneniĝajn simptomojn tiel, ke oni eĉ pensis pri ŝajnigo de veneniĝo. Tamen de la kvina tago komencante ŝi ricevadis varmegecon (la plej alta 38°5), ekzantemon en la faringo, sur la vangoj, kolo, brusto, gluteo, sur la dorso kaj sur la dorsoj de la manaj kaj piedaj fingroj parte skarlatenoformajn eritemojn, parte herpesoformajn veziketojn kaj samtempe en la samaj lokoj fortajn muskolajn kaj nervajn dolorojn kiel ankaŭ diversajn sensorecajn kaj motorecajn malordojn precipe de la ekstremaĵaj nervoj. Depost la naŭa tago la varmegeco ĉesis, la haŭtaj simptomoj iom post iom saniĝis parte deskvamante parte cikatriĝante. Pli poste kaj malrapide ĉesadis la nervaj perturboj tiel, ke nur en la dekunua semajno la pacientino povis jam stari kaj marŝi.

La aŭtoro atentigas, ke ĉe la unua savado de veneniĝo kun arseno la sola lavo de la stomako, eĉ plej parte estas nesufiĉanta. Oni devas ĉiam aldoni la t. nom. absorbajn rimedojn ensorbontajn la erojn de la veneno, kiuj restante en la sulkoj de la stomaka mukozo malrapide solviĝas kaj ensorbiĝas. Tia rimedo estas animala karbo mem aŭ kunigita kun la malnova *antidotum arsenici albi ferrum hydroxydatum dialysatum.* Plej bone estas laŭ G. Klemperer post la

lavo de la stomako enigi 2 kulerojn da karba pulvoro kun 30 gr. de sulfura magnezio ($MgSO_4$). Se oni ne sukcesas lavi la stomakon enigu tuj karbon kun magnezio, en duonlitro de akvo.

D^ro^ FELS.

*NEŬROLOGIO*

PROF. I. B. GROSSMANN. — *NOVA PATOLOGIA REFLEKSO « FINGRA-DOLORA »*. — (*Vraĉebnaja Gazeta — Kuracista Gazeto*, 1926 *N*. 4). — L'A. proponas novan reflekson : oni premas (forte, preskaŭ ĉiam ĝis doloro) per granda kaj 2a fingro — la ungfalangojn de piedfingroj ĉe esplorato komencante de malgranda kaj ĝis 2a fingro, — aperiĝas akra dorsala fleks o de l'pieda grandfingro. Premante piedan grandfingron (ungfalangon), — oni ricevas plantaran flekson de ĉiuj aliaj fingroj kun samtempa ilia ventumilforma disiĝo (ne ĉiam).

Klinika esplorado de la reflekso donis al l'A. sekvantajn rezultojn : a) « Fingra-dolora » reflekso estas konstatita nur ĉe organikaj malsanoj de nervsistemo sekvitaj de l'difektiĝo de flankaj kolumnoj ; b) la reflekso estas tre frua simptomo de l'difektiĝo de piramidvojo ; c) ĝi restas konstanta ĉe ĉiu-ajn korpstato de l'esplorato (surventre, surdorse, surflanke) ; d) ĝi aperiĝas pli frue ol la fenomeno de Babinski ; e) ĝi malaperiĝas la lasta, post malaperiĝo de Babinski-fenomeno ; f) ĝi estas aperigata per premo sur ungfalangon de ĉiuj piedfingroj (precipe de etfingro), esceptante la grandfingron kiu donas akran etendon ; g) ĝin karakterizas : plantara flekso de ĉiuj fingroj-ĉe la premo sur ungfalangon de grandfingro ; h) necesas fortiri atenton de l'paciento ; i) plifortiĝo de l'fenomeno estas la esprimo de ĝenerala altigita ekscitiĝebleco de l'esplorato.

A. BABADAGLY.

*KANKROLOGIO.*

PROF. F.-N. ILJIN (BAKU). — *KOMPARADO DE L' REZULTOJ PRI LA KURACO DE UTERKANKRO*. — (« *Ĵurnal akuŝerstva i jenskih boleznej-Ĵurnalo de akuŝscienco kaj virinmalsanoj* », 1926 N° 6). — L'A. montras la metodojn por kuracado de l'uterkankro, kaj ilustras malfacilecon de l' komparado de rezultoj ĉe diversaj kuracmetodoj. L'A. citas regulojn de Winter, servantajn por la nuntempa statistiko de la rezultoj de l'operacikuracado.Por la statistikmaterialo laŭ Winter oni devas postuli : ĝi daŭriĝu minimume dum 5 jaroj post operacio, ĝ. montru kvanton da neoperacieblulоj venintaj al ambulanco, ĝi montru primaran mortecon, devas esti elkalkulitaj la procentoj de relativa kaj absoluta resaniĝo (t. e. la kvanto de malsanuloj vivantaj post 5a postoperacia jaro).

Winter'ajn ciferojn l'A. opinias ne sufiĉajn kaj li proponas propran formulon por akcesora elkalkulo de l' « meza plejmallonga vivdaŭreco » de l' kankruloj kuracitaj per tiu aŭ alia metodo :

$$M = \frac{a + b + c + d + e + f}{T}$$

kie *a* egalas al la kvanto da jaroj travivitaj de ĉiuj malsanuloj res-

tintaj vivaj post unu jaro post operacio, $b$ = kvanto da jaroj kiujn travivis ĉiuj malsanuloj kiuj restis vivaj post dua postoperacia jaro, k. t. p. ĝis $f$ kiu signifas la kvanton da jaroj travivitaj de malsanuloj vivantaj post ŝesa postoperacia jaro (t. e. de tute resanigitaj ms-uloj) ; $T$ egalas al la ĝenerala kvanto de ĉiuj malsanuloj (kune : operaciitaj, primare-mortintaj kaj neoperacieblaj) estintaj en ĉi institucio dum ĉi tiu tempo. Ĉe radium — kaj rentgenkuracado — $T$ egalas al tuta kvanto da estintaj malsanuloj : kuracitaj kaj nekuracitaj.

Ofteco de l' recidivoj laŭ Wertheim, estas jena : dum la jaro-ĉirkaŭ 25 %, dum 2a j. 14 %, dum 3a 7 %, dum 4a 2 %, dum 5a 1 %. Sekve el 100 venintaj al ambulanco — 30 estas neoperacieblaj, 14 pereos tuj post operacio ; el 56 restintaj operaciitinoj dum la jaro pereos 25 % t. e. 14 virinoj kaj restos vivaj al 2a jaro 42 ; dum 2a jaro pereos 14 % = 6 ms-ulinoj, restos 36 ; dum 3a j. pereos 7 % 2ms-inoj, restos 34 · dum 4a j. pereos 2 % 1 ; dum 5a j. pereos 1 ms-ulino kaj restos vivaj 32. Tiele la formulo fariĝas :

$$\frac{56 + 42 + 36 + 34 + 33 + 32}{100} = 2{,}33$$

Sekve la meza plejmallonga daŭreco de l'vivo kiun donas operacimetodoj estas 2,33 jaro.

Per ĉi formulo estas eble elkalkuli la plejmalgrandan mezan vivdaŭrecon por diversaj kuracmetodoj, por diversaj grupoj de malsanuloj k.t.p. Por ĉi elkalkulo necesas havi sciigojn pri la sorto de ĉiuj ms-uloj dum 5 jaroj : tiajn ciferojn havas multaj aŭtoroj ekz. Baish, Franz, Bumm, Dôderlein.

La formulo de l'A. povas esti akcesora al Winter'aj ciferoj, estante kvazaŭ ĝenerala konkludo el ĉi ciferoj ; ĝi permesas fari pli precizan kaj unuspecan taksadon.

A. BABADAGLY (Odeso).

## *SOCIALA MEDICINO.*

DOJ. I. I. JAKOVLEV, Klinika asistanto, KAJ V. V. REJNIKE. *LABORO DE VIRINO ĈE GUMINDUSTRIO KAJ ĜIA INFLUO AL GENITALSFERO.* — (« *Jurnal dla usoverŝenstvovanija vraĉej — Jurnalo por perfektiĝo de kuracistoj* », 1926 $N^o$ 10.). — « Necesa kondiĉo de l' homa vivo estas laboro, de kiu dependas feliĉo kaj bonstato de aparta persono kaj de tuta societo. Tamen por tio necesas, ke ĉiu individuo estu interesigita de sia laboro ; en ĝi li devas vidi ne jugon de sia vivo, — sed la utilan neceson por la tuta societo ; por tio necesas, ke la laboro estu ne ŝarĝeganta, ĝi ne okupu grandkvanton da horoj kaj ĝi restigu sufiĉe da tempo por kulturaj-bezonoj de l'homo ». Sed tiaj kondiĉoj nuntempe ankoraŭ forestas kaj la troŝarĝigo ĉe laboro sekvigas laciĝon kaj malsaniĝon de l' laboranto. Precipe tio rilatas al laboristino kiu devas krom sia ordinara fabriklaboro ankoraŭ dommastrumi, naski kaj eduki infanojn. Ankaŭ-fizikaj, seksaj kaj konstituciaj specialaĵoj de virino faras ŝin pli vundebla ol viro.

Estas esploritaj 400 laboristinoj-galoŝistinoj de Leningrada uzino « Ruĝa Triangulo ». Aĝo de l'esploratinoj : 15-46 jar. ; laborstaĝo

3-12 jaroj ; plejparto el ili estas vilaĝaninoj. Malbonkondiĉoj de ilia laboro estas jenaj : multjara aŭtomateco kaj streĉiĝo, neceso labori dum tuta tago piedstarante, nur permane, kun fleksiĝo de supera parto de l'korpo, premante bruston, en bruanta ejo, kie aero estas tute seka kaj plenigita de benzino kaj polvo, sur la planko ĉiam tremanta.

Pleje influata estas nervsistemo : ĝi estas supernormale ekscitiĝebla ĉe 75 % da laboristinoj ; 10 % estas histeriulinoj. Plejparto-anemiaj. Ĉe 10 % kronika obstipacio.

Plej detale estas esplorita genitalaparato. Konstatita nenia influo de laboro al menstrufunkcio, fekundeco kaj naskoj (Menstruo komenciĝis je 13-15 jaroj ; ĉe 70 % menstrutipo estas normala, ĉe 30 % — menoragioj kaj malofte — metroragioj kaj dismenoreoj. Plejparto komencis seksvivi je 17-19 j. ; kontraceptis nur 7 % ; seksa sento estas plimalgrandigita ĉe 13 %, forestas ĉe 18 %. El 400 virinoj : virginoj-16, sterilaj-52, nur-abortintaj-13, nur-naskintaj-204, abort — kaj naskintaj — 115 Sume estis : naskoj 1059, abortoj 219. Estas notinda relative granda kvanto da « naturaj » abortoj (54 % da ĉiuj abortoj).

Pezo kaj vivkapableco de novnaskitoj estas normala.

Laboro evidente ne influas al la apero de piedvarikoj (14 kaz.) kaj al disiĝo de rektaj ventromuskoloj (228 kazoj-ĉe naskintinoj), sed ĝi tre influas al la stato de pelva fundo kiu estas nenormala ĉe 333 virinoj (ĉe 97 % da ĉiuj unufojnaskintinoj kaj ĉe 48 % da ĉiuj sterilulinoj. Nenormala lokŝanĝo de utero estas ĉe 205 kaz : plejparte (37 %) rezulte de antaŭaj inflammalsanoj de genitalorganoj.

A. BABADAGLY.

D^ro J. S. DUBINĈIK. — *ROLO DE PROFESIAJ MALBONINFLUOJ RILATE AL ETIOLOGIO DE GINEKOLOGIMALSANOJ ĈE TEKSISTINOJ.* (« *Ĵurnal Akuŝerstva i ĵenskiĥ boleznej.* — *Ĵurnalo de Akuŝscienco kaj Virinmalsanoj* », 1926, N. 6). — L'A. dum 3 jaroj observadis kaj kuracis laboristinojn de teksfabriko « Ruĝa Lumturo » (Leningrad) kie laboras ĉirkaŭ 3000 virinoj. Li konstatas, ke :

1) La teksistinoj ne malsanas de iuj-ajn specifaj aŭ pure-profesiaj ginekologiaj malsanoj, ĉar el 1650 da primaraj vizitoj (dum 1925 j.), 38 % da laboristinoj havis postsekvojn de gonoreo, 31 % la sekvojn de malĝuste vartitaj abortoj kaj naskoj, 13 % funkciaj malsanoj, 18 % gravedaj k.al.

2) Akutiĝo kaj progresado de l'kronikaj ginekologiprocedoj ĉe teksistinoj estas la sekundara fenomeno kaj ĝi dependas de ĝeneralaj tre malfacilaj kondiĉoj de l'teksista laboro kiu postulas de virino superfortan fizikan streĉiĝon.

3) Funkciaj ginekologimalsanoj de teksistinoj baziĝas sur denaskaj konstituciaj nenormalaĵoj aŭ sur ĝeneralaj malsanoj ricevitaj influe de profesia laboro (tbk. anemio k.t.p.)

Por ekzameni la predispozicion de l'teksistinoj, l'A. detale esploris 177 virinojn novvenintajn en la fabrikon por labori. La rezultoj estas malgajigaj. Plejparto el ĉi tiuj novlaboristinoj (145) estis filinoj de laboristoj. Ei ili estis : infantilaj 56, histeriaj 14, nervasteniaj 75, anemiaj 25, asteniaj 19, kun aliaj konstituciaj nenormalaĵoj 15 ; kun

nesufiĉecoj de genitalorganoj 106 ; plejparto el ili (125) estas heredeceŝarĝitaj (tbk, alkoholismo k. al.)

4) La profilakso de ginekologimalsanoj ĉe teksistinoj dependas de l' ĝeneralkuracigaj higienaj rimedoj, de l' plisanigo de vivmaniero laborista, de l' plisanigo de laboro kaj de l' perfektigo teknika de ĉi tiu industrio.

A. BABADAGLY.

*INTERNAJ MALSANOJ.*

D^ro^ D. A. KOGAN. — *DIAGNOZA SIGNIFO DE L'SANGESPLORO ĈE STOMAKMALSANOJ (Vraĉebnaja Gazeta — Kuracista Gazeto,* 1926 *N.* 11*).* — L'aŭtoro baziĝas sur la literaturo kaj propraj 50 kazoj plejparte kontrolitaj per sekcio.

Jen liaj konkludoj : 1. Morfologiaj esploroj de l' sango povas iam helpi en la kazoj, kie per sola klinika bildo estas malfacile starigi diagnozon.

2. Bildo de sango iafoje povas esti helpilo ĉe diferenciala diagnozado inter la ulcero de stomako kaj duodeno unuflanke, kaj la kankro de stomako-duflanke.

3. Ĉe ulceraj procedoj estas observata la emo al policitemio, sed ĉe la kankraj — la emo al plimalmultiĝo de l' enhavo de Eritr. kaj Hb, aŭ de sola Hb.

4. Ĉe ulceroj, ankaŭ ĉe kankraj procedoj estas observata limfocitozo.

5. Limfocitozo dependas de l'aktiveco de procedo kaj eble ankaŭ de l'okultaj elsangadoj.

6. Rilate al teorio de vagotonia nervozo ĉe etiologio de ulceroj, — necesas fari du supozojn : 1) sekve de l'esploroj de l'aŭtoro ĉi teorio ne estas vera ; 2) eozinofilio de sango ne estas patognomonia simptomo de vagotonio.

A. BABADAGLY.

D° A. G. TETELBAUM. — *TEMPERATURA KURBAĴO ĈE ULCERO DE STOMAKO.* — (« *Vraĉebnaja Gazeta — Kuracista Gazeto* », 1926 *N.* 5). — Temperaturo de la malsanuloj estis esplorata ne ordinare, sed ĉiun 3an horon ; ricevitaj rezultoj estis komparataj. Tiele l'aŭtoro esploris 21 nekomplikitajn kazojn de l'ulcero, 13 kazojn de perigastrito, kaj kontrolajn : 5 stomakokatarulojn kaj 10 normalulojn. Jen la konkludoj de l'aŭtoro :

1. Supreniĝo de l'T° (ĝis 37, 3-37, 5) estas observata ĉe plejparto de stomakulceroj.

2. Ĉi temperaturaltiĝo estas plene klarigata per anatomia esenco de l'ulcerprocedo, eble komplikita per infekto.

3. Perigastritoj sen aktiva ulcerprocedo ne donas temperaturaltiĝon.

4. Temperaturaltiĝo estas la indikilo de l'aktiveco de ulcerprocedo.

A. BABADAGLY.

D° E. SZCZEKLIK (KRAKOVO) : *AMONIO ĤLORATA KIEL DIURETILO.* (*Polska Gazeta Lekarska* 1927, *nro* 8). — Unuaj enkondukis ĥloramonion (NH 4 Cl.) kiel diuretilon (urinigilo) en

1923 j. Haldane kaj liaj kunlaborantoj en Ameriko. La aŭtoro elprovis la rimedon en la Krakova interna kliniko en 3 kazoj de renmalsanoj, 2 de kormalsano, 1 de hepata cirozo kaj, 1 de tuberkuloza poliserozito. Oni donis la rimedon en dozoj de 1'0-1'5 grm. diluitan aŭ kiel pulvoro en oblatoj en taga kvanto de 5-16 grm. dum kelkaj tagoj (en 1 kazo dum 17 tagoj en ĝenerala kvanto de 192 grm.) Dum la aplikado de la rimedo oni limigis la diurnan kvanton de fluidaĵoj ĝis 600-1.000 kcm., ordonis sensalan dieton, ĉe renmalsanoj, kaj limigis la albumenon. La malsanuloj bone toleris la rimedon, nur 2 nefrozo-nefrituloj, havis naŭzojn, vomojn, kapdoloron aŭ lakson ; sed malutilan efikon al la organismo oni ne observis. En 3 kazoj, la pulso malaltiĝis je 10-15 batoj en minuto. En kazoj kun albumenurio la albumeno aŭ restis sur la antaŭa nivelo aŭ tre malpliiĝis, precipe ĉe nefrozo. Simptomojn de renincito eĉ post tre altaj dozoj de N H4 Cl oni ne observis. La diuretiga efiko de ĥloramonio daŭras tiomlonge, kiel longe ĝi estas aplikata. Post forigo de la rimedo la plentaga urinkvanto denove malpligrandiĝis kaj post kelkaj semajnoj en 2 kazoj, la ŝvelaĵoj denove aperis. Sed konklude oni devas konfesi, ke ĥloramonio estas bona diuretilo, kiu efikas bone tiam, kiam aliaj urinigaj rimedoj rifuzas. En 2 kazoj de ĥronika nefrozo-nefritoj N H4 Cl ne pliigis la diurezon kaj kaŭzis eĉ malfavorajn flankajn simptomojn ; verdire en ambaŭ kazoj la renmalsano estis jam tre progresinta. Ĥloramonio estas energia diuretilo, meritanta pluan aplikadon en ĉiuj kazoj de renaj aŭ koraj ŝvelaĵoj kaj de libera fluidaĵo en la korpaj kavoj.

D° FELS (Lwôw).

*SEKSOLOGIO.*

H. F. O. HABERLAND (KÖLN). — *LA TRANSPLANTADO DE VIRAJ ĜERMAJ GLANDOJ.* (*Deut. med. Wochenschr.* 1927, *nro* 6). — La unuajn eksperimentojn kun transplantado de testoj faris 1849 Berthold ĉe kokoj. Lespinasse 1913 unua implantis ĉe 38 jara viro testajn pladetojn de sana homo inter muskolaj fibroj de la rekta muskolo kaj en la skroton. La aŭtoro entreprenis grandan serion da transplantaj eksperimentoj ĉe ratoj. Post testa aŭtoplastiko oni trovas mikroskope jam post 120 tagoj, ke la transplantita testa teksaĵo estas parte resorbita parte intersticiale anstataŭita. En aliaj kazoj la semaj tubetoj muke degeneras kreante cistojn, la testaj ĉeloj transgrasiĝas kaj alia histo enkreskas. Tiel aŭ similmaniere la transplantaĵo malrapide sed certe neniiĝas. La implantaĵo iom post iom resorbiĝas kaj anstataŭiĝas per liga histo. Ĉiu aŭtoimplantita testo senescepte frue aŭ poste neniiĝas, indiferente kien oni ĝin implantas, ĉu tutan pecon aŭ en pladetoj, aŭ ĉu oni nur la testan parenĥimon enŝprucas kaj fine liga histo substituas la implantaĵon. Tio estiĝas kun aŭtotransplantita testa histo ; des malpli vivebla estas la homojo- kaj hetero-plastiko de la viraj ĝermglandoj. Tial sukcesplenaj transplantaĵoj de ŝimpansaj testoj ĉe homoj estas biologiaj maleblaĵoj ; kaj la akra kritiko, kiun ricevis Voronof ĉe la XII internacia fiziologiistoj-kongreso en Stokholmo, estis tute justa.

La raportitaj sukcesoj ĉe homoj estas klarigeblaj per mankema observado. Ĉiuj konsciencaj ĥirurgoj, kiuj antaŭ kelkaj jaroj reko-

mendis la transplantadon de testoj, jam ekkonis sian grandan eraron. Post la operacio la resorbitaj hormonoj en komenco dum cent, eĉ ducent tagoj, ankoraŭ efikas, sed tion ni povas hodiaŭ atingi per pli simplaj rimedoj sen transplantado. Sur nura teorio bazas ankaŭ la nova modo de plijunigo, nome la infuzaĵoj de ekstraktoj el testoj kaj ovarioj en la sangovazaron. Kontraŭ tiuj rimedoj kontraŭbatalontaj la maljunecon pledas multaj gravaj konsideroj. Ĉar la maljuniĝado ne dependas sole de la nefunkciado de la seksaj glandoj kaj ekzistas fundamenta diferenco inter la maljuniĝado de bestoj kaj homoj. Ĉe la operaciitaj la aŭtosugestio ludas gravan rolon. Se la facilkredema maljunulo sentas la intersticialan substraton tra la abdomenaj tegmentoj, li havas la psikan senton, ke aperis efiko. Kelkaj kuracistoj lertmaniere eluzas ĉiujn tiajn momentojn ; ili ordinacias al la pacientoj dancon aŭ ritmajn movojn ĉe muziko. Kiu ne sentus sin tiam rejuniĝinta ? La danĝerojn por la jam malsaneta koro kaj sangovazaro kun arteriosklerozo oni ĉe tio neglektas. Se la sugestia efiko ĉesas kaj la « plijunigita » sentas nenian sukceson, li ne reveias tion al siaj parencoj kaj konatoj pro honto, esti la blamiĝita, aŭ ridinda stultulo. Kontraŭe, li eble rekomendas la kuracadon, por ne resti la sola malsaĝulo kaj viktimo de « plijunigo ».

Per centoj da ilustraĵoj oni volas pruvi la sukcesojn. Sed antaŭ la operacio oni fotografas la homon kun neordigita, nekombita hararo, nerazita vizaĝo kaj pendaj lipharoj, poste kun glatigita verto, freŝe razitan kaj kun torditaj lipharoj. La fotografaĵoj estas faritaj en diversa grandeco, en ŝanĝa lumigado kaj pozicio, ĉu en profilo ĉu en faco. Voronof tute simple retuŝas la fotografaĵon post la operacio, kion en Stokholm pruvis la eminenta amerikana fiziologo prof. Carlson. Ankoraŭ pli kondamninda estas, se kelkaj kuracistoj pro reklamintencoj sin fotografigas kune kun la « plijunigita ». Eĉ la klerigitaj laikoj en nia tempo aŭdas volonte kaj kredas rapide mistikajn aferojn tute ne klopodante sin konvinki pri la veraj faktoj. Ankaŭ la sinjoroj ĵurnalistoj estus devintaj sin pli reteni kun ĉiuj sensaciemaj raportoj koncernantaj la plijunigon. Certe, la laikaro avide englutas tiujn raportojn kaj la ilustritaj ĵurnaloj estas elŝirataj. Sed oni konsideru, ke la preso devas esti kulturportanto kaj kulturhelpanto. La facilkredemulojn oni tiamaniere ne nur mone sed ankaŭ psike ruinigas kaj la seniluziiĝo mordetas kiel vermo ilian vivo-krepuskon.

D[o] FELS (Lwôw).

F. W. STRAUCH (HALLE ĈE LA SALE). *KURACADO DE STOMAKA SANGADO* (*Deut. med. Wochenschr.* 1927, *nro* 4).

Ĉe akuta stomaka sangado nepre estas indikata interna kuracado : korpa kaj mensa kvieto, apliko de morfino estas senbezona kaj sole en kazo de granda mova malkvieto kaŭzita de la sangoperdo oni povas enŝpruci subhaŭten 0'01-0'015 da morfino. Pro granda perdo de fluidaĵo kaj ofta sento de turmentanta soifo oni aplikas gutklisterojn, 3 foje tage el duonlitro da fiziologia solvaĵo de kuirsalo aŭ 3 foje el kvaronlitro da 10 % solvaĵo de bersukero. Al tiuj ĉi solvaĵoj

oni povas iafoje aldoni po 30 gutojn da 1 % adrenalino. Se la sangado ne ĉesas, oni enŝprucu envejnen 5-10 k. cm. da 10 % sterila solvaĵo de kuirsalo. Korstimulajn rimedojn oni apliku nur en kazo de nepra bezono, ĉar subita altigo de la korakcio povas iafoje renovigi la sangadon. Meze plena glacisaketo influas pli sugeste la kvietan konduton de la malsanulo ol barante la sangadon.Dum la unuaj tri tagoj kompleta reteno de la nutrado, poste oni komencas kun facila ulcera dieto per varmetaj fluidaĵoj kaj supoj, sed oni evitu ĉiam la glutadon de glacipecetoj, kaj de glaciigita lakto, kio kaŭzas ofte kataron de la stomako. Ĉe ekzisto de premado aŭ doloraj sentoj en la epigastro ni ordinacias bismuton kun beladono : « Bism. subn. 0'5 Extr. belladonnae 0'01-0'015 Sacchar. 0'3, M. f. pulvis » 1-2 pulvorojn tage je malplena stomako. Se ekzistas kataro de stomako, kutime akompananta ulceron aŭ kankron de la stomako, pli efikas arĝento nitrata : « Solutio arg. nitr. 0'1 : 180 Aqu. » 3 foje tage 1 kuleron en vinglaso da varmeta akvo antaŭ la manĝado. En kazo de doloraj pilorospasmoj kaj promalsataj doloroj ni preferas anstataŭ atropinon, kiu sekigas la buŝon kaj, pliigas la soifon, aplikon de papaverino, 2-3 foje tage po 0'04. Kontraŭ la sekundara anemio oni apliku jam frue arseninjektojn aŭ sango-transfuzon. Post tri semajnoj oni ekzakte ekzamenu la kaŭzon de la sangado, per rentgenlumigo, per sango-provoj de la fekaĵoj.

En kazo de ripetiĝantaj stomakaj sangadoj pli efika estas ĥirurgia kuracado, tial oni jam frue altiru ĥirurgon al la kunobservo de la malsanulo. El operacioj en unua vico indikata estas resekcio de la stomako, sed ne tro ampleksa. Nur ĉe teknikaj malfacilaĵoj oni kontentiĝu per eltranĉo aŭ ĉirkaŭkudro de la ulcero. Tamen la gastroenterostomion oni faru nur ĉe pliaĝaj kaĥektaj pacientoj kun malfortiĝo de la sangocirkulada sistemo kaj se la resekcio teknike ne eblas pro kunkreskoj kaj penetrado de la ulcero en la hepaton aŭ pankreason. Ĉar post ĉiu gastro-enterostomio la organismo konservas la ulceron, kiu ĉiam povas kaŭzi freŝajn sangadojn. Konklude, ĉe akuta stomaka sangado la kuracado estas interna, tamen ĥronikajn elulcerajn sangadojn oni direktu al sperta ĥirurgo.

D^ro FELS.

## EN ĴURNALO « PSIKIATRIO, PSIKOLOGIO, KAJ NEŬROLOGIO »
*Jaro I. Nro 9 jan. 1927*

1) *PROF. H. ASADA (Nagasaki) : La psikiatrio post kvindek jaroj*

L'aŭtoro provas antaŭdiri progresajn fragmentojn el estonteco de la psikiatrio kaj alvenas al jenaj konkludoj : 1) Oni malkovros dormsubstituilon. 2) La metapsiko de Richet, la vera stato de hipnotismo, magnetismo, telepatio, antaŭdiro, senokullegado, telekinemato estos science klarigataj kaj aplikataj. 3) Funkciaj psikaj kaj nervmalsanoj plimalmultiĝos, la organikaj restados preskaŭ la samaj. 4) Esperanto disvastiĝos kaj pere de senfadena dissciigilo ekregos tutmonda scienca ekvilibro.

2) ***J. KIJOKAŬA (Kioto) : Parkinsonismo.***

Ĝi apartenas al la simptomkomplekso de ekstrapiramidlezo, al

kiu krome apartenas la ĥoreo, atetozo, pseŭdosklerozo, tremparalizo (paralisis agitans) kaj la Willsona malsano. La simptomaro de Parkinsonismo aperas post epidemia encefalito kaŭze de lezo de korpo striata. La hipertonio ĉe Parkinsonismo estas kaŭzata de disrompo de la korpo striata. Ĉe ĥoreo kaj atetozo la korpo pareostriata ne estas atakata kaj tial ĉe ili mankas la hipertonio. Ĉe la tremparalizo la rigideco estas la ĉefa simptomo, la tremo ofte mankas kaj tiuokaze oni nomas ĝin tremparalizo sen tremado. La Willsona malsano ofte herede aperas kaj montras rigidecon kaj malmulte da tremo — ĉe la pseŭdosklerozo estas pli evidenta la tremado ol la rigideco. La cititaj diversaj malsanoj estas kaŭzataj de la lezo de ekstrapiramidfadeno precipe en la korpo striata.

3) *N. ŜIGA : TIEL MI AŬDAS. (El la japana tradukis H. NAKA)*

Beletristika-psikologia skizo mallonga. Bg.

---

# DIVERSAĴOJ

D-RO NISI-SEIHO

*Profesoro de anatomio ĉe Imperia Tokio-Universitato*

Naskiĝis en Tokio, la 6-an de Januaro, 1885. Gradigita de l'Medicina Fakultato de Imperia Tokio-Universitato en 1908, li agadis 3 jarojn kiel asistanto en la Anatomia Instituto. En 1911 li estis de l'Registaro sendata al Germanujo, kie li 4 jarojn studadis la fakon sub la gvido de P-ro Max Fürbringer en Heidelberg. Reveninte al sia hejmlando, 1915, li estis eknomata profesoro de anatomio ĉe Imperia Toohoku-Universitato en Sendai kaj kelkajn jarojn pliposte, kiam P-ro Koganei-Yosikiyo rezignis sian pozicion en 1922, li estas alvokata al Tokio kiel lia posteulo.



Dum sia restado en Eŭropo li renkontis la mondmilitegon. Li tiam spertis, kiamaniere la ŝovinisma malamikeco inter eŭropaj popoloj etendis sin ankaŭ sur iliajn nacilingvojn kaj profunde eksentis la absolutan necesecon de internacia helplingvo. Post sia reveno al Japanujo li tuj komencis memlerni Esp. En 1924 li fondis kun kelke da samideanoj « Eskulapidan Klubon » por enkonduki Esp. en la japanan medicinan rondon, en kiu la germana lingvo ankoraŭ nun faras ĉefan fremdlingvon. De antaŭ kelkaj jaroj li komencis uzi Esp. kiel publikigilo de siaj verkoj : Pri la nervoprovizo de trapeza muskolo (kun Esp. resumo), 1922.

Pri la nervoprovizo de segmentitaj muskoloj (k. E. r.), 1923.
Pri la ĝenerala diferenciĝo de l'trunkomuskolaro. 1-a parto (k. E. r.), 1923 ; 2-a parto (en Esp.), 1924.

## LA TETEDIAGNOZO

Sur la netregrandaj ŝipoj ofte ne ĉeestas kuracisto : tamen, okaze, malsanulo povas esti kuracata dank' al prikonsiliĝo petita por li per T. S. F. En « *Progrès Médical* 5 III 27 », Dº J. LAFONT proponas nomi *telediagnozo* la diagnozon tiel faritan per T. S. F. ne vidinte la malsanulon, kaj li raportas kazon eltiritan el « Médical Press 25 XII 26 A. G. VAVASSEUR, ELDER ». Jen tekstoj de la interŝanĝitaj Markonigramoj :

SENFADENA TELEGRAMO 1 : « *Hieraŭ vespere 8 h. viro plendis pro kapdoloroj kaj senkonsciiĝis kun simptomaro de epilepsia krizo. Hodiaŭ matene 8 h. li ne ekkonsciiĝis ; konvulsioj kelkafoje aperas. Kolo kaj vizaĝo ŝveliĝas. Tº 36º7 Malforta pulso. Kuracisto sendu recepton* ».

Intime la kuracisto pripensis. Ĉu estas epilepsio, cerba sifilo, uremio aŭ diabeta komo ? Estas necese sciiĝi pri aĝo de la malsanulo, pri *edemoj*, pri odoro de l'elspiraĵo. Li do respondis :

« *Glutigu kalomelon 0 grm 65 centigr. ; indiku aĝon de la malsanulo : ĉu estas edemo de la palpebroj, de la kruroj ; ĉu la elspiraĵo odoras ? Ne liveru stimulan rimedon sen nova avizo* ».

ŜIPA TELEGRAMO 2 : 31 *jaroj. Okuloj, vizaĝo, kolo tre ŝveliĝas ; tute ne la kruroj. Elspiraĵo tre fetora.*

Pripenso de la kuracisto : Ĝi ne temas pri diabeto ĉar acetonodora elspiraĵo ne estus dirita fetora ; ne verŝajne cerba sifilo pro la juna aĝo ; ne nefrito pro foresto de krura edemo. Ĉu la faca edemo ne estas kaŭzita de intokseco per fiŝo ? Pro kio la kuracisto respondis :

« *Ĉu kalomelo agadis ? Ĉu la malsanulo manĝis fiŝon hieraŭ ? Se la pulso malfortiĝos vi povos liveri stimulan refortigilan rimedon perbuŝe* ».

TRIA ŜIPA TELEGRAMO : « *Unu defekaĵo ; Tº 4 h. vespere 36º7. Norma pulso. La malsanulo ne manĝis fiŝon nek suspekteblan nutraĵon. Neniu konvulsio de post 2 h. posttagmeze* ».

La kuracisto pripensis ke tre certe ĝi temas pri epilepsio kaj respondis :

« *Glutigu ĉiun kvaran horon 1 grm. 30 de kalia bromido. Likvaĵa dieto. Sendu novaĵojn morgaŭ* ».

KVARA ŜIPA TELEGRAMO : *Malsanulo nun konsciiĝas. Vizaĝo ankoraŭ iom ŝveliĝas. Doloroj en la okuloj.*

La Kuracisto respondis :

« *Daŭrigu tri tagojn la kalian bromidon. Ĉiumatene 1 kafkuleron de Epsom'salo. Likvigitaj tolaĵoj varmaj aŭ malvarmaj sur la okuloj* ».

Per letero de la ŝipestro oni plimalfrue sciis ke la malsanulo rapide resaniĝis sed ke li estis epilepsiulo.

La telediagnozo povas esti kelkafoje interesa sed ne ĉiam facilega.

D^ro^ Br.

P. S. — D° Blassberg prave nin rimarkigis : 1) Povis esti triĥinozo. 2) Kiamaniere « glutigi » dum epilepsia krizo ? 3) Acetonodora spiraĵo povus esti nomita « fetora » de laikuloj. 4) Spite de juna aĝo tute ebla sifilo. 5) Ŝveliĝo sur kapo kun manko de ŝveliĝo sur kruroj povas indiki ĝuste *nefriton*. Tute okaze ĝusta diagnozo, sed ne certa laŭ priskribitaj simptomoj.

## LA ATESTO PRI ĴUSANTAŬEDZIĜA BONFARTO

Ĉiuj kiuj depost kelkaj jaroj sin okupis pri Eugenio insiste petis ke la Estraro malhelpu al la edziĝoj inter malbonfartantaj individuoj. Estas certe ke oni devas bedaŭregi tro oftajn edziĝojn de sifiluloj, epilepsiuloj, ftiziuloj k. t. p. Dum la monato de novembro 1926, Prof. Pinard (Elp. : Pi-nar), franca senatano, proponis ke la edziĝontoj devige liveru tutfreŝan ateston pri neekzisto ĉe ili de iu ajn komunikebla malsano. Ĉe la deputitaro de la Luxemburga granda Dukejo, S° Blum la 20-1-27 faris iom similan proponon pri kiu oni povas legi en « Bruxelles médical 27 II 26 » interesajn detalojn. Jen la proponita teksto.

*Neniu vivoregistra oficisto povos plenumi la formalaĵojn de edziĝo se oni ne liveris al li ateston, ne antaŭdatumitan pli ol tri tagoj, ke la edziĝontoj konsultis kuraciston. La vivoregistra oficisto, same kiel la edziĝintoj, kiuj ne obeis al tiu leĝo estos punataj laŭ la punaro antaŭvidata en artikolo j 156 kaj 192 de la Civitana Kodo.*

En la antaŭa raporto pri la neceseco kaj la utileco de tiu leĝ-projekto S° Blum skribis : « Oni esperas ke la edziĝoj ne plu okazos tiel sengrave, tiel senpriresponde ol nune. La atesto ne malkaŝos la specon de la malsano kiun suferas tiu ĉi aŭ tiu. La kuracisto takte atentigos la malsanulon pri la naturo de lia malsano, ĝia graveco, la realaj ŝancoj de resaniĝo, la necesego de bonfarto por la feliĉo de nova familio k.t.p. Tia konsulto estos utilega por ĉiuj kiuj ne estas tute trompemuloj, por ĉiuj kiuj, honestuloj, volos plenumi la devojn postulatajn de la publika moraleco ».

En tiuj okazoj la rolo kiun ludos la kuracisto estas tre grava, sed MALFACILEGA kaj tre MALAGRABLA. Sed ĉu tia leĝo kontraŭos al multaj edziĝoj ? Verŝajne ne, pro multaj kialoj : Tiuj ĉi edziĝontoj estas malinteligentaj aŭ eĉ kelkafoje simplulaĉoj ; tiu ĉi estas malhonestulo kiu en la edziĝo serĉas nur havigi monon ; aliaj estas tro enamigitaj ; la publikan opinion multaj enkalkulos ; fakte mi opinias ke la plej multaj edziĝoj okazos eĉ se... Kaj por la aliaj, la honestuloj, aŭ iuj kiujn la diagnozo de la kuracisto konsternegos, mi antaŭvidas affliktegon... eĉ memmortigon.

D^ro^ BR.

P.-S. — Pri la sama temo ni ĵus legis en « Marseille médical » jenan humoraĵon : Bernard Shaw ricevis antaŭ kelkaj jaroj el fraŭlino jenan leteron : « *Vi estas la plej mirinda cerbo de tutmondo ; mi estas la plej bela virino de New-York. Mi ĉeestis ĉe konferenco pri Eugenio kiu entuziasmigis min tiel ke mi hodiaŭ proponas al vi ke ni kune penadu por krei idon*

*tute perfektan.* » Samkuriere Bernard Shaw respondis: « *Tre certe mi konfesas esti unu el la plej bonaj cerboj de tutmondo; mi ne dubas ke vi estu la plej bela virino de New-York. Sed mi timas ke se ni kune penados por krei idon, la Naturo prenu mian korpon kaj vian cerbon, kaj tiel estus kreata monstro!!* »

## LA ESTONTO DE LA MEDICINA PRAKTIKO

*tia kian antaŭvidas franca famkonata ĥirurgiisto V. Pauchet*

Kuracisto kiu nune praktikadas la ĝeneralan (nefakan) medicinarton, pro la neceseco viziti hejmen tage kaj... nokte la malsanulojn iĝas tre lacigita, kaj ne plu havas tempon por intelekte labori, por esti freŝe informita pri la progresoj de la medicino ; li enuas, maltrankviliĝas pro la monaj aferoj, kaj tro ofte senkuraĝiĝas.

Por ripari tiujn neoportunaĵojn estas nura rimedo : la *kolektiva agado*, la *laborantara spirito*. Estas necese krei en multaj urbetoj privatajn klinikojn en kiuj ekzistos litoj, laboratorioj, modernaj kuracaparatoj, flegistinoj, oficistoj por ĉiuj akcesoraj temoj. Por faciligi tian organizadon ĉiu kuracisto devos iĝi kapabla specialisto. Tiel en tiuj klinikoj oni trovos aron da kapablaj kunlaborantoj kiuj serioze praktikados nur medicinon, kaj kiuj ne plu sin okupos pri la monaj temoj ĉar la rilatoj kun la klientoj, kun la fisko, kun la malsanulkasoj, kun la asekuraj societoj, estos plenumataj de speciala oficistaro. La juna kuracisto ne plu estos izolata ; li devenos kompetenta en sia fako, kaj trovos en siaj kunuloj helpon kontraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, kaj, ŝatinda afero, sciencan medion.

Ni devas atenti ke estos tempo je kiu estos malfacilege pro trokareco trovi sufiĉan loĝejon (atendsalono, ĉambro por ekzamenoj, biblioteko, laboratorio k. t. p.) por unu kuracisto. Ĉu same la kulturistoj ne devos baldaŭ forlasi siajn ĉevalojn kaj kuniĝi por aĉeti kulturmotorojn kiuj faciligos al ili la taskon ? Ne pro rutino spirite blindiĝu ; sekvu sentime la evolucion ! Dank' al Taylor' metodo la kuracisto posedos pli agrablan, pli sciencan, pli utilan, malplilacigan vivmanieron.

(*Ĉeftemo eltirita el artikolo de « La Clinique »*, n° 80-1927).

D^ro Br.

## EPIDEMIA STATO DE SOVET-UNIO

| | Sumo de kazoj dum | | o/o por 10.000 loĝantoj | | % dum 1913 | Plej multe donis por 10.000 loĝ. 1925 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1924 | 1925 | 1924 | 1925 | | |
| Abdomena tifo...... | 165.945 | 166.050 | 12,3 | 11,9 | 26,8 | Blankrusio... 14 |
| Ekzantema tifo...... | 126.865 | 72.122 | 9,4 | 5,2 | 7,3 | Blankrusio... 10,8 |
| Disenterio.......... | 335.883 | 298.158 | 25 | 21,3 | 31,4 | Armenio .... 50,3 |
| Ĥolero ............ | 10 | 12 | | | | |
| Skarlatino .......... | 199.809 | 269.264 | 14,9 | 19,3 | 28,3 | Blankrusio .. 33,7 |
| Difterio ............ | 66.345 | 71.154 | 4,9 | 5,1 | 31,1 | Blankrusio .. 9,3 |
| Influenco (1) ........ | 1.879.170 | 2.805.358 | 140 | 200,8 | 272,1 | |
| Malario ............ | 5.983.477 | 5.403.591 | 445,7 | 386,8 | 216,6 | |
| Epidemia Encefalito. | 2.198 | 2.009 | | | | |
| Kokluŝo............ | 128.280 | 350.496 | 15,0 | 27,5 | 33,3 | Centra Sov... 27,6 |
| Meningito .......... | 3.538 | 5.612 | | | | |

*Laŭ Medicina Kalendaro 1927 kompilis*
D. SNEĴKO.

(1) 2, 5 milionoj en 6 unuaj monatoj 1926.

---

## EKONOMIA STATO DE KURACISTOJ EN RHODES (Egée)

(*Respondo al la enketo de D-ro L. Zamenhof* (*v. I. M. R.* 1927 *n°* 1, *p.* 44)

1) *Jes* ; 2) *De du jaroj;* 3) *Antaŭ la milito la insulo kalkulis* 18, *nun* 47 *kuracistojn;* 4) *Laŭ la revizio en la jaro* 1923 *la nombro de loĝantoj estis* 40.000, *antaŭ la milito* 32.000. *En la ĉefurbo* (*Rhodesland*) 1 1/2 *da miloj. En vilaĝoj la nombro de kuracistoj rilatas al la kvanto de loĝantoj laŭ* 1: 1.000. 6) *Supernombron de kuracistoj oni trovas en la ĉefurbo Rhodesland.* 7) *Ses kasoj de malsanuloj, unu malsanulejo.* 8) *Laboristaro kaj servistaro ĉe privataj personoj.* 9) 20 %. 11) *Antaŭ la milito la ordinara honorario ĉe kuracisto estis* 1-2 *francaj t., ĉe paciento* 2 *francaj t. Nun private ĉe kuracisto* 10 *francaj t., ĉe paciento* 10-15. 12) *Krom konsultacioj en privata loĝejo de kuracistoj ekzistas en nia lando sole unu malsanulejo, kie oni pagas* 25 *francaj t. po tago, malriĉaj estas kuracataj senpage.* 13) *Ĉiuj virinoj naskas hejme kun helpo de akuŝistino kun pago de* 100 *ĝis* 400 *fr. t. laŭ riĉeco. Kiam ĉeestas kuracisto lia honorario estas de* 500 *ĝis* 1500. *Ĉiu operacio estas farata en malsanulejo kaj oni pagas laŭ prezaro.* 14) *Malgraŭ la kareco de la vivo la kuracistoj perlaboras sufiĉe por la ekzistado:* 50 % *gajnas eĉ pli ol postulas la vivneceso.*

Doktoro HASSON.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

ANGLUJO. — Ŝatinda alvoko de D-ro Buchanan por I. M. R. en British Esperantist (II 27).

AUSTRUJO. — D-ro Sos estas elektita Prezidanto de la novefondita Esperanto-Sekcio de la Paneŭropa-Unio. *Sincerajn gratulojn.*

DANTZIG. — Ĉe Dantziga Kongreso, en T. E. K. A. kunsido, Prof. Bujwid faros prelegon pri *Kapricoj de streptokok j.*

GERMANUJO. — La germana gazeto « Das Scharfe Ange » (La Akra Okulo) por biologia okulkuracarto publikigas resumon en esperanto de la artikoloj. (El Movado, Marto 1927).

— L. Dederichs, Sallstr. 124, Hannover serĉas en ĉiuj landoj esperantistojn kiuj estas kapablaj verki aŭ traduki artikolojn pri sciencoj kaj aliaj temoj.

HISPANUJO. — En « *Buttleti del Syndicat de Metges de Catalunya* », 30-10-26, artikolo pri I. M. R. kun listo de ĝiaj ĉefaj artikoloj.

En « *El Siglo medico* » 19-2-27, grava artikolo de Conrado Domenech kun titolo: La nura logika solvo de la internacia lingvo estas esperanto; ĝi estis eltirita el la revuo « Actividad » de Barcelono.

En *Revista de diagnostico y tratamiento o fisicas* (nº 10 1926) D-ro Bremon Masgraŭ aldonis al sia interesa artikolo esperantlingvan resumon (*Imitinda propagando*): oni ĝin trovos en tiu numero kun la aliaj aŭtoreferatoj.

HOLANDO (1). — Holanda Esperanto Pioniro (jan. feb. 1927) liveras detalojn pri la *Universala spesmila banko* (Laren - Holando) kiu kreis *spesmilajn valorbiletojn kaj valormarkojn* per kiuj estas nun ebla sen kurzperdo kaj sen kosto pago de malgrandaj sumoj tra la tuta mondo (La spesmila sistemo estis multe uzata kaj elprovata de 1907 ĝis la milito). Tiu banko kreis valorbiletojn je 0.50, 1. 2, 5, 10 SM. kaj valormarkojn je 1, 2, 5, 10,25 SD. UNU USONA DOLARO = 2 SM. 5 SD.

*Heroldo de Esperanto akcept s la biletojn de la Universala spesmila banko kiam ĝi povos pruvi ke ĝi havas sufiĉan garantian kapitalon kaj la Ŝtatan aprobon. Same la redakci de Internacia medicina Revuo, sed ĝi akceptas de nun la esperantistajn respondkuponojn de U. E. A., 12, Boulevard du Théâtre, Genève. (Unu kajero et tiuj ĉi entenas 10 biletojn po 30 sv. centimoj, 6 po 50, kaj 3 po unu sv. franko).*

JAPANUJO. — Noteto pri T. E. K. A. kaj I. M. R. en *Revuo Orienta* (Tokio) (XII 26). En alia numero de tiu ĵurnalo (I. 27) interesa artikolo de nia aboninto Takeiĉi-Jamada pri la recepto de « *toso* » trinkaĵo elfarita el vegetaĵoj; ĝi estas ia eliksiro de vivo kiun la Japanoj trinkas kiam ili festas la novjaron.

POLUJO. — En Heroldo de Esp. 4-3-27, interesa artikolo de Kronenberg s. t. « Sur verda marĝeno » liveras kelkajn detalojn pri nia tre sindona kolego ROBIN: « Kiom povas fari por nia lingvo kaj ideo unu sola homo se li nur volas kaj scias plenumi sian esperantistan devon! D-ro Robin estas esperantisto depost 1892. Li estis ano de unua rondeto esp. de Warszawa al kiu apartenis kiel fondinto St. Goldberg, medicinstudento, forpelita poste laŭ carŝtata ordono Siberion kie li mortis. El la kvin unuaj esperantistoj loĝintaj konstante en Warszawa (Nia Majstro vivis tiam en Grodno) kvar mortis; vivas nur D-ro Robin ». *Se Internacia medicina Revuo alkalkulas 120 gekuracistojn kiel abonint j en Warszawa, ĉiu scias ke ni devas precipe tiun sukceson al klopodoj de nia agema kaj neanstataŭebla kolego Robin.*

SOVETUNIO. — S-ro Pafonov (Serpuchov) tradukis ruslingven la artikolon de D-ro Blassberg: « Nia celo, niaj laboroj kaj vojoj (I. M. R. 1927, nº 1) » kaj sendis ĝin al la Prezidanto de Moskva saniga fako D-ro Demaŝko. La Fako decidis aboni la Revuon kaj disvastigi esperanton. (El Heroldo).

USONO. — Nia sindona kaj malavara kolego D-ro Van Becelaere praktikadas nune 522 John D. Spreekels Bldg, Sixth and Broadwaj, San Diego, Kalifornio. Fako: Vejnmalsanoj, varikoj, krurulceroj k. t. p. Li preparas tre gravan verkon pri tiuj temoj.

---

(1) La Nederlanda Esp. Asocio havas nenion komunan kun la Nederlanda Esperanto Unuiĝo. Sekretariejo de N. E. A.: Domo « L'Arendal » en Laren (N-H) Holando.

## INTERNACIA KONGRESO DE UROLOGIO

La tria kongreso de la internacia Societo de Urologio kunvenos en Bruselo de 3 ĝis 6 Aŭg. 1927 sub prezidanteco de Profesoro Jean Verhoogen.

Tri temoj estas ĉe tagordo:

1) Kompara valoro de la sang - kaj urin - ekzamenoj en la ĥirurgio de l'urinaparato. Raportontoj: D-roj Chabanier (Paris), Kojen (Belgrade), Quinby (Boston).

2) Kuracado de veziktumoroj per fizikaj agentoj. Raportontoj: D-roj Beer (New-York), Fryszman (Varsovio), Heitz-Boyer (Paris).

3) Kuracado de la tuberkulozo de la genera aparato. Raportontoj: D-roj Barney (Boston), Gamberini (Bologne), K. Walker (Londres).

Pri ĉiuj sciigoj sin turni al D-ro Jean de Smeth, 126, boulevard de Waterloo (Bruselo, Belgujo).

---

## FAKVORTARA DISKUTEJO

*Respondo al D-ro Fels* (v. I. M. R. nº 2). Mi tute aprobas kelkajn kritikojn de nia kolego kaj konsentiĝas kun li pri parto de la terminaro « *pansi, sternumo, dorsa mjelo, envejna, profilaksa, buĝio, k. t. p.* Kontraŭe al *skarlateno,* mi preferas *skarlatino* pro ĝia internacieco (A. Scartatinoid. F. Scarlatine. H. I. Scarlatina. Pole. Szkarlatyna). *Metakarpo* valorus *metakarpeo* sed *karpeo* estas jam akceptita de Christaler, de Grosjean-Maupin mi ne arogos al mi la rajton ŝanĝi. Skribe, *alkalojdo, kolojdo, tirojdo* ŝajnas tre akcepteblaj, sed, se ni konsideras la elparoladon, alkaloido, koloido, tiroido estas eble preferindaj (Fr. Thyroide). Vi konsilas *apendikso,* sed el vorto *apendico* devenas nature *apendicito* (uzata de ĉiuj) kaj *apendicektomio* (kies via apendektomio estus la mallongiĝo). La klarigo de Verax pri la vorto *bregmo* « nomo de kavaĵoj en la kranio » estas, mi opinias, tute erara. Bregmo (Ang. Fr. H. I. Grek. Bregma) estas anatomia loko okupata, ĉe la suĉinfano, de la granda fontanelo (Fr. Fontanelle bregmatique) kaj, ĉe plenkreskulo, de la interkruciĝo de la kraniaj suturoj en tiu preciza loko; *verto* estas en la sama loko, sed estas pli vasta; ĝi signifas la supron de la kapo (en kelkaj vortaroj oni diras « verto » parto de la kranio inter la du oreloj). D-ro Br.

*S-ro Boucon (Annecy):* « La ĝustaj rimarkoj de D-ro Bl. (I. M. R. 1927 nº 1, p. 42) min tre interesis, sed ni ne devas tro fidi, nek tro fidele obei al ia severa logiko. Ekz.: D-ro Bl. diras ke *malsanino* ne estas ino de *malsano;* tre vere sed *malsanulino* ankaŭ ne estas ino de *malsanulo,* same kiel *gravedulino* ne estas ino de *gravedulo* (?). Konsekvence tial ke la vortoj *malsanino, belino, riĉino, gravedino,* k. a., sen *ul,* ne kontrarias la Fundamenton, tial ke ili estas pli mallongaj, kaj ke ili ne povas signifi alion ol *ino malsana, bela, riĉa, graveda...,* mi opinias, ke ili estas korektaj kaj uzindaj, same kiel *bonvolo* (*bona volo*) au *junaĝo* (*aĝo juna*). Laŭ la sama principo oni ofte diras: *filologo, astronomo, ĥirurgo...* anstataŭ *filologiisto, astronomiisto, ĥirurgiisto...* Kaj *apeli, inaŭguri, deklini, konversi,* en loko de *apelacii, inaŭguracii...;* tio estas afero de gusto. »

---

## NOVAĴETOJ

ĈEĤOSLOVAKUJO. — La ĉeĥoslovaka Ruĝa-Kruco ekfunkciigis en unu el lastaj monatoj novan ekipon higiene-instruan destinitan por Subkarpatia Rusio, kio estas la plej orienta parto de ĉeĥoslovaka respubliko. Tiaj ĉi higienaj ekipoj konsistas el aŭtomobilo provizita per filmo-projekcia aparato kaj estas estrataj de kuracisto, kiu vojaĝante kun la ekipo de unu vilaĝo al alia, faras prelegojn pri higieno kaj socialaj malsanoj, akompananta ilin per respondaj lumbildoj. Tia-maniere naciaj societoj de Ruĝa kruco plenumas unu el la plej gravaj punktoj de la programo starigita post la mondmilito per la Ligo de societoj de ruĝa kruco por pactempa ruĝkruca agado. La menciita higiena ekipo de ĉeĥosl. Ruĝa kruco estas jam la kvara, kiun la societo ekmarŝigas en la batalon por la pli bona estonto de la popolo per propagando de higiena vivo en la lando. Un.

FRANCUJO. — Ĉe franca Senato Soj Chéron, Gallet kaj Merlin prezentis leĝproponon por ke estu deviga por ĉiuj francoj la kontraŭtifoida vakcinado. *Sed antaŭ ol tiu leĝo estu voĉdonata multaj jaroj verŝajne trapas s.*

HUNGARUJO. — En la nova hungara parlamento (Magnata domo), plie de aristokrataj klasoj kaj multaj diversaj institucioj, ankaŭ la *kuracistaj Societoj* povis elekti reprezentanton (*El Her.ldo* 1927, nº 6).

USONO. — S-ro William Laurence Saunders (New-York) oferas du premiojn (ĉiu 50.000 dolaroj) al tiu kiu eltrovos la kaŭzon, la antaŭmalhelpon kaj la resanigon de la kankro.

---

BIBLIOGRAFIO

*Transactions of the Japanese pathological Society* (Vol. XV). La Japana Patologia Societo ĉiujare recenzas, pri la verkoj al ĝi prezentitaj, en du volumoj, unu japanlingva, unu multlingva. De tiu ĉi eldono. Prof. Nishi bonvolis sendi ekzempleron al la Redakcio; plezure ni povis konstati ke niaj japanaj kolegoj pli kaj pli uzadas esperanton, ĉar, en la sendita volumo, troviĝas 11 referatoj en Esperanto. Jen titoloj:

1) *K. Ono kaj M. Iokojama* (*Fukuoka*): *Eksperimenta studo pri la eliĝo de kalcio kaj fero tra la reno de kuniklo.* — 2) *H. Kubo* (*Kioto*): *Pri la latisfibro en hepato-atrofio flava akuta kaj subakuta.* — 3) *T. Niŝikaŭa* (*Kioto*): *Esplorado pri la latisfibro ĉe diversaj tuberkulozaj lokoj en la pulmo.* — 4) *K. Nakaĵima* (*Sapporo*): *Influo, sur la Cowperia glando, de la kastrado.* — 5) *T. Hukuda* (*Tokio*): *Pri la ŝanĝiĝoj de graskvanto en sango de birdoj nutritaj per nutraĵo manka je vitamino B.* — 6) *T. Inokuti* (*Tokio*): *Pri la H - ionkoncentreco en organoj de kolomboj suferantaj je la malsano pro manko de vitamino B.* — 7) *T. Goh* (*Tokio*): *La malsano kaŭzita per nutraĵo rilate manka je vitamino B observata el la vidpunkto de gasinterŝanĝo.* — 8) *Y. Murata* (*Tokio*): *Pri la enhavkvanto de vitamino B en hepato de kokoj malsanigitaj per nutraĵo rilate manka je vitamino B* (*dua raporto*). — 9). *Y. Kaneko* (*Tokio*): *Pri la malsano kaŭzita per nutraĵo rilate manka je vitamino C.* — 10) *T. Ogata* (*Tokio*): *Dubo pri la hipovitaminozo.* — 11) *H. Kubo, A. Fukatani kaj S. Iamagiwa* (*Kioto*): *Pri patologio de « Pestis Suum ».*

ESPERANTLINGVE. — *Fajreroj.* Unua poemaro de *Adalberto Smit.* 60 paĝoj ĉe S. A. Holando Esp. Oficejo. Laren (Holando).

*La individualisma socialismo de D-ro kuracisto Axel Robertson Proschowsky,* eksmembro de la Dana Socialista Partio; ĉe Rasa Virina klubo 3 b. rue Coutures Saint-Gervais, Paris (IIIᵉ), 15 paĝ.

*Miraklaj aventuroj de S-ro Longkrurulo,* amuza historio por junularo (152 bildoj), verkita kaj eldonata de *Dreves Uitterdijk L. K.* Domo Zamenhof, Hilversum (Holando). Pr: 0,6 dol.

*Misio por la jaro* 1927, folieto eldonita de « Pensa kunagado por tutmonda Paco ». Poŝtfako 25. Brno Moravio.

HISPANLINGVE. — *Medicos ilustres del Siglo XIX,* 130 p. Raportoj pri D-roj Luis Simarro, Pedro Gonzales Velasco, San Martin Y su Obra kaj Joaquin Hysern. La raporto pri D-ro Simarro estas skribita de nia samideano D-ro Carlos. M. Cortezo.

*Juicio critico sobre el estado actual del tratamiento de la tuberculosis,* de *D-ro José Valdes Lambea,* verko prezentita ĉe konkurso de « El Siglo Medico » kaj unuvoĉe premiita. Bonega resumo pri la nuna kuracado de la Tuberkulozo (Higieno, profilakso, ĥirurgio, medicino, medikamentaro).

*Colegio - residencia para huerfanos de medicos.* — Projekto por nova konstruaĵo. 16 p.

*Revista sudamericana de Endocrinologia, Imunologia, Quimioterapia* (*Calle Rivadavia* 1745. *Buenos-Ayres*), interesa medicina gazeto tute dediĉita al Endokrinologio, Imunologio, Ĥemioterapio.

RUSLINGVE: « *La Pensée médicale d'Uzbekistan* » unuigita kun « Journal de l'Asie centrale », grava medicina gazeto. Redakcio: Tachkent. Str. Kaffanow 81, ĉe Bakteriologia Instituto.

NEKROLOGO

— Onis ĵus sciiĝis al ni la morton de nia aboninto D-ro E. Rotchschuh, Aachen (Germanujo). Sincerajn kondolencojn al lia familio.

— Preskaŭ subite mortis en Parizo la 8 III. Daniel Berthelot, membro de la Franca Akademio de Medicino, filo de la famekonata Marcelin Berthelot, eltrovinto de la sintezo de alkoholo. Ni aŭdis de li tre elokventan paroladon en la solena kunsido kiu malfermis la « Internacian Esper. konferencon (Majo 1925) », sub prezidanteco de alia fidela Esperantisto Prof. Ch. Richet. D-ro Br.

— Post trimonata edzeca feliĉo mortis la juna edzino de nia aboninto D-ro Josefo Hoch, Höchst a Main (Germanujo). Ni sendas al nia afliktita kolego niajn plej sincerajn kondolencojn.

— Mortis la fama Prof. D-ro *E. Kraepelin*, eminenta germana psiĥiatro. Li kreis la modernan psiĥiatrion; li dislimiĝis kelkajn psiĥiatriajn klinikajn formojn. Por la psiĥiatrio li estis epoka viro. D-ro R.

---

STATO DE LA KASO (*Fermo de konto la* 7-4-1927)

*Enspezoj:*

ANGLUJO. — S-ro Hugh (London), 123 fr. 50 (ab + an); D-ro Buchanan (London), 35 fr. 80; S-ro Miller (Spennymare), 25 fr. 90; D-ro Maclurkin (Taviuni. Fiji), 22 fr. 95. *Sume:* **208 fr.** 15.

Ĉe D-ro Buchanan pagis: D° Moore (London), S° G. D. Buchanan (Rothesay).

AUSTRUJO. — Abonis ĉe nia Ĉefkasisto: S-ro Angel Entscheff (Hall) 3 s 6; D-roj Thenen, Omelskij kaj Sos (Wien).

BELGUJO. — Abonis ĉe D-ro Kempeneers: D-ro des Cressonnières (Bruxelles).

BRAZILO. — De S° Maltez Fernandes, 304 fr. 55 por la abonoj de:

1926: D-ro Arsenio Moreira da Silva. S° Francisco Portela.

1927: Brazila Ligo Esp.; Brazila Klubo Esp.; Brazila Esp. Klubo de medicinstudentoj; D-ro Theophilo de Almeida; D-ro Venancio da Silva, D-ro Natalicio Lopes de Farias; S-ro Caetano Continho; Prof. Leonel Gonzaga, kaj B. K. E. M. S. — Anoj: S-roj Maltez Fernandes, Gentil Fernandes, Reynaldo Pimenta, Leoncio de Rezende Filho, João Celso, Arthur de Santis.

BULGARUJO. — R. K. Triĉkov 140 l. = 25 fr. S-ro Ivan Mirovsky, Kjustendie, 150 levojn.

ĈEHOSLOVAKUJO. — D-ro Zeitner (Franzensbad) 24 fr. 75.

Enkase ĉe D-ro Parma Rĉ 553.60. Pagis: 1926, Kurdnac; Ostrĉil. — 1927: Kadlicky; Pribyl; Ŝil; Vyslouzil.

FRANCUJO. — D-ro Domec (Arbis), 35 fr.; D-ro Reddon (Sceaux), 20 fr.; D-ro Le Duigou (Cherbourg), 20 fr.; D-ro Böhringer (Strasbourg), 20 fr.; D-ro Barillot (Melun), 20 fr.; D-ro Gros (Apt), 20 fr.; D-ro Caenens (St-Omer), 20 fr.; D-ro Barbedor (Rennes), 20 fr.; D-ro Caillaud (Monte-Carlo), 20 fr.; S-ro Sandelyon (Lyon), 20 fr.; S-ro du Planty (Aire-sur-la-Lys), 20 fr.; S-ro Bouvier (Poix), 20 fr.; Prof. Richet (Paris), 30 fr.; D-ro Desmoulin (Douai), 20 fr.; D-ro Faure (Toulouse), 30 fr.; S-ro Lumière (Neuilly), 20 fr.; S-ro Turner (Paris), 20 fr.; D-ro Poncet (Louhans), 20 fr.; vendado de Noj: 10 fr. *Sume:* 405 fr.

GERMANUJO. — Mi ricevis, 72 fr. 40 sen klariĝoj.

HISPANUJO. — *Pagis ĉe D-ro Bartomeu:* D-ro Barrera (Teya); D-ro Bremon (Barcelono); Academia y Laboratori; D-ro Arroyo (Jaen); S-ro Paluzie (Barcelono); S-ro Claudio Sala (Bare); S-ro Llorens Sastre (Pedralva); D-ro Bartomeu (Barcelono); ĉiu 7 pes. *Sume:* 56 pes.

HOLANDO. — D-ro de Ruyter (Paramaribo - Gujano), 75 fr.

ITALUJO. — D-ro Canuto (Torino), 27 fr.

*Stato de kaso ĉe D-ro Monti:* D-ro Donato Pace (La Spezzia), 25 fr.; *antaŭaj enspezoj:* abonoj, 100 fr.; anonco, 90 fr.; *elspezoj,* 15 fr. Enkase: 200 fr.

JAPANUJO. — *De Ĉuiĉiro Nakano,* 225 fr. por abonoj 1927: Fukuda. M.;

Kiriyama. S; Kusaka. K.; Maruyama. Ŝ; Nakano. Ĉ; Niŝiura. K; Oohara. J; Tsuĵimura. I; Wakayama. S (ĉiuj Kioto).

*Abonis ĉe P-ro Niŝi:* P-ro Kawakami-Riiti; D-roj Murata-Taroo (Hongoo, Tikio), Cu (Soocou, Ĥinujo), Matuoka-Sigeru (Koobe); Stinoj Ogiso-Kaduko, Hukuoka-Tosiko (Tokio); Stoj Hayasi-Tiaki (Tokio), Hudui-Sigeru (Hongoo), Nobuo-Kuzuja (Kanazawa). Promesis aboni: Prof. Saburo-Macubara; D-roj Shizuo-Tanaka kaj Tazu-Hirohashi. (Ĉiuj Kanazawa).

*Nomoj forgesitaj en niaj listoj de I. M. R.:*

D-ro Koono-Mitinari. Anat. Instituto. Imp. Tokio Univ. *Hongoo. Tokio.*

D-ro Shumada-Illin. Tamamura Machi, Sawa-gun, *Gumma-ken.*

D-ro Mochidzuki - Shuzaburo. Anat. Instituto. *Jocujaka. Tokio.*

JUGOSLAVUJO. — S-ro Radovanovic (Sremska Mitrovica), 25 fr.; Esperanta klubo « Mojsije Paic » (Zemun), 25 fr.; D-ro Bajic (Mitrovica), 25 fr. *Sume:* 75 fr.

POLUJO. — Prof. Bujwid (Krakow), 75 fr.; D-rino Kragen (Krakow), 23 fr. 95; D-ro Wander (Krakow), 24 fr. 75; D-ro Sommerstein (Piwniczna), 24 fr. 75; S-ro Sobczyncki (Warszawa), 22 fr. 95; D-ro Krenicki J. (Warszawa), 24 fr. 75; Prof. Kaus (Kolonja Lubeckiego), 13 fr. 75; D-ro Gliksman (Pinsk), 24 fr. 75; D-rino Fuchs (Krakow), 24 fr. 75; D-ro Sianozecki (Katowice), 26 fr. 15; D-ro Bernstein, 13 fr. 75; D-ro Lubelski, 13 fr. 75; D-ro Papierny (Lodz), 24 fr. 75. *Sume:* 337 fr. 80.

*Pagis ĉe D-ro Robin.* — D-roj Boruchowicz, Dolkart, Antoni Natanson, Albert Natanson, Pomper, Pros, Magistro F. Zamenhof = 35 zl — 2 (elsp). *Ric.* 90.75.

D-roj Niewiadomski, L. Hirszfeld, B. Weynert, R. Hertz, H. Adelfang, M. Floksztrumpf, ĉiuj 5 zl; St. Essigman, 9 zl. *Sume:* 39 zl — 3 (elsp). *Ric.* 99 fr.

RUSUJO. — De S-ro Glodeau S. A. T.: 1) D-ro Ŝenderov (Loev) 1 r; D-ro Babadagly (Odesso) ab + aŭtorpresaĵoj 4 r. 70 = 68 fr. 40 — 10 % = Ric. 61.55. 2) Lubjanovski 1 r. Jodko. 2 r. (1926-1927 = Ric. 32.40.

De Sijanickij (Retshiza) 2 r. = 24.75. *Sume:* 118.76.

Al S. A. T. pagis D-rino Maĥova (Kazanj).

*Stato de la kaso ĉe K-do Sneĵko:* 1926. I. M. R. n° 3, 2 r.; n° 5, 3 r.; n° 6, 5 r. 50; 1927: 3 r. = 13 r. 50. *Elsp:* 84 k.; *Sume:* 12 r. 66 k. Depost pagis ĉe K-do Sneĵko: Volujskij (Elec); Morozov (Kandalakŝa); Tankov (Terenga - Sobakino); Geikamn (Dnepropretrovsk); Rudnickij (St. Syzranj); Iskra (Ĥarkov).

D-ro Siromiatnikov (S. Petuĥovo) sendis abonpagon al -Sro Teterin str. Fontanka 21 kv. 7. al kiu, ŝajnas (oni ne antaŭsciigis nin!), K-do Dunajev transdonis sian oficon.

*AL NIAJ RUSAJ KOLEGOJ. — Malgraŭ kelkaj alvokoj Kdo Dunajev ne respondas al niaj leteroj kaj ne sendas la saldon de la enkasita mono. Jam, koncerne lin, T. Jung en Heroldo de Esp. plendis. La admistranto de* SENNACIULO, *viktimo de maldelikateco de Kdo Dunajev prave skribas en n° de* 2. IV, 27, p. 9 : « *Nur la kamaradoj mem en Leningrad povas fari ion kontraŭ tiu malkurateco... Nun la peradon prizorgas Kdo Teterin. Ni esperu ke sub lia gvidado la afero pli bone funkcios* ». *Tiaj faktoj nepre devus okazi.*

Dino Fomina Argunova (Batum, Rustaveli, 14) kaj K-do Sneĵko (Minsk, poŝtkesto 33) rajtas enkasigi monon por I. M. R.

DE ANONCINTOJ. — R. Wys. 49,50; Kowalski, 63,25; D-ro A. 49.50; D-ro P. 99 fr.; D-ro M. 50 fr. *Sume:* 311.25.

*Sume ni ricevis de post la apero de* 2 *a n° de I. M. R.* 1927 = 2.389 fr. 41.

*Antaŭa kaso:* 9.198 fr. 38.

*Sume:* 11.587.79.

*Elspezoj:* Presado I. M. R. n° 2, adresaro, kliŝaĵoj k. t. p. 2.804 fr. 50 + Poŝtelspezoj. 450 fr. 15 + monsendo al D-ro Mezei, 20 Dol (516 fr. 70) = 3.771 fr. 35.

Enkase ĉe D-ro Briquet antaŭ la *apero de tiu n°:* 7.816 fr. 44 + 5 litaj. + 150 levojn.

LITERATURO DE LA ARTIKOLO PRI MUZIKA TALENTO (Vidu p. 101)

1. Breithaupt, Musikal. Zeit-und Streitfragen. Verlag Neermeyer, Berlin, 2 Bd. p. 58 (Germane).
2 Feiss. La genealogio kaj la psikologio de muzikistoj. La rusa traduko, p. 47 (el la Germana).
3. Henschen. Über Sprach - Musik-u. Rechenmechanismen u. ihre Lokalizationen im Grosshirn. Z. f. d. Ges. Neur. u. Psychiatrie, 52 Bd, 4-5 H. (1919) p. 273. (Germane).
4. Jentsch, Die Lokalisation d. mus. Anlage am Schädel. Z. f. d. Ges. Neur. u. Psychiatrie, Bd 48 (1919) p. 292. (Germane).
5. Kretschmer, Mediz. Psychologie. Leipzig, 1922, p. 42 (Germane).
6. Langeüddeke, Untersuchungen ü. d. Rhytmik Geisterkranker. Ztrbl. f. d. Ges. Neur. u. Psych. Bd. 50, H. 5-6 (1925), p. 304 (Germane).
7. Marcus, Sensorische Paramusie. Z. f. d. Ges. Neur. u. Pychiat., 81 Bd, 5 H (1923) p. 625 (Germane).
8. Moebius, Ansgew. Werke, Fr. Jos. Gall. Leipzig 1905, p. 95 (Germane).
9. Rentsch, Musik u. Geitesstörung. Allg. Ztschr. f. Psychiat. 1926 Bd. 85, H 1-2, p. 64 (Germane).
10. Rosenfeld, Die Physiologie d. Grosshirns. Handb. d. Psychiat., herausg. von Asschaffenburg, Allg. Teil, 2 Abt., 1913, p. 94. (Germane).
11. Sabanejev, La muziko, kio ĝio estas? GIZ. Muzsektor. Moskva, 1925, p. 26, 29 (ruse).
12. Serejskij. La lokalizaj problemoj kaj la muziko. La kolekto de l' regna instituto de l'muzikscienc oj, 1925 (ruse).
13. Stieglitz, Einfürung ind. Musikaesthetik. Cotta'sche Buchhand. Nachfolger, 1912, Stuttgart u. Berlin, p. 24 (Germane).
14. Voss, Die Familie G., ein Beitrag zur Kenntnis d. Vererbung der Muzikalität. Ztrbl. f. d. Ges. Neur. u. Psychiat. Bd XXXVIII, H. 5-6, p. 272. (Germane).

---

## KOMUNIKAĴOJ DE LA TEKA

1) *Pri la IVa Internacia Kongreso de Milita Medicino kaj Farmacio, okazonta en Varsovio de 30/5 ĝis 4/6 1927.*

*La Konstanta Komitato kaj la Loka Organiza Komitato favore rilatas al niaj penoj enkonduki Esp. en tiun kongreson. Prezidanto kaj Ĝenerala Sekretario de la Varsovia Organ. Komitato, Generalo D-ro* Rouppert *kaj Kolon. D-ro* Zaklinski, *principe aprobis nian ideon kaj subtenis ĝin dum la Kunsido de la Konstanta Komitato, okazinta en fino de Februaro en Bruxelles.*

*En tiu urbo bonege antaŭpreparis nian aferon nia Ĉefsekretario, D-ro* Kempeneers, *kiu sukcesis favorigi por nia ideo la Ĝen. Sekretarion de la Konstanta Komitato, D-ro* Voncken (Liége.)

*Niaj francaj, anglaj, amerikaj, hispanaj italaj, brazilaj kaj svisaj amikoj, ĉiu en sia lando penis kaj precipe sukcesis konvinki siajn oficialajn landajn reprezentantojn de la Milit.-Medicina Kongreso. La* Teka *sentas agrablan devon danki tie-ĉi speciale Prof. D-ro Ch.* Richet, *Generalon* Di Montezemolo, *la prezidanton de la Itala Esper. Federacio, Prof. D-ron* O. Bujwid, *S-ron Inĝ.* Rollet de l'Isle, *D-ron* Venancio *da* Silva *(Rio de Janeiro), D-ron* Bremon y Masgrau *(Barcelono) kaj la Internacian Centran Komitaton de Esperanto por ilia helpo samideana.*

*Dank'al tio la Bruxelles' a Kunsido, konvinkita pri la neceseco kaj utilo de Esper. por Inter. Kongresoj decidis* unuanime *transdoni*

*la demandon al unu komitatano, kiu prezentos al la sekvanta Kunsido en Varsovio (antaŭ la Kongreso) realajn* proponojn, *kiuj estos voĉdonotaj de la Kongreso.*

*Nun ni ne ĉesu niajn penojn, streĉu ankoraŭ iomete niajn fortojn kaj ni venkos.*

*Ni devas varbi en ĉiu lando kolegojn milit-kuracistojn, kiuj partoprenos en la Varsovia Kongreso, ĉar iliaj voĉoj decidos la aferon.*

*Se eble, niaj amikoj komuniku al D-ro* Robin *— Varsovio — (Marsz. 113) la nomojn de Kongresanoj-esperantistoj. Se ilia nombro sufiĉos, estos organizata dum la Varsovia Kongreso aparta « Esper. Sekcio » kun esperantaj prelegoj kaj diskutoj, al kiu estos invitataj neesper.-kongresanoj. Permeson aranĝi « Esp.^e^Sekcion » ni jam ricevis.*

*Ni do refoje petas komuniki al D-ro* Robin *la nomojn de samideanoj, veturontoj Varsovion, kiel eble plej frue, por ke estu bone organizata ilia akcepto.*

*Krome D-ro* Robin *petas ĉiujn samideanojn-kongresanojn tuj post alveno Varsovion anonci sin ĉe li, ĉu telefone (7304), ĉu persone, ĉu en la Kongresa Akceptejo, kie estos aranĝita speciala listo. Por kolegoj-esperantistoj kredeble estos organizata vizito al la Tombo de nia Majstro, vizitado de l'urbo kaj de kelkaj interesaj institucioj.*

*Ni aldonas la 4 ĉefajn temojn de la Kongreso :*

1) *Evakuacio dum la mova milito (Ĉefrefer. Polujo kaj Brazilo)* ;

2) *Etiologio kaj profilaktiko de gripo (Ĉefref. Polujo kaj Danujo)* ;

3) *Sekvoj de kraniaj traŭmoj kaj ilies terapio (Ĉefr. Polujo kaj Grekujo)* ; X

4) *Arsenobenzoloj ; metodoj de analizo kaj de ĥemia difino (Ĉefr. Polujo kaj Latvujo).*

*Lingvoj de la Kongreso : franca, angla, itala, hispana, pola.*

*En la programo multaj festoj. Akcepto oficiala ĉe la Prezidanto de la Respubliko. Raŭto ĉe la Prezidanto de Ministroj.*

*Ekspozicio. Ekzercadoj de Saneca Servo. Solena vespero en la Opero. Akcepto ĉe Urba Konsilantaro, ekskursoj. Postkongresaj vizitoj de Krakôw, Zakopane ktp.*

Aliĝojn adresu *al Kolon. D-ro* Zaklinski *— Varsovio — Milita Ministerio VIII Depart. Sanit-str. Nowowiejska 5.*

2) *La Estraro de* Teka *afable petas ĉiujn kolegojn sendi siajn* portretojn *kun mallongaj aŭtobiografioj al D-ro* Briquet, *31, rue de la Bassée, Lille (Francujo). Ni deziras en bona tempo eldoni « galerion de esper.-kuracistoj ». Ĉiuj bonvolu klare priskribi sian rilaton al Esperanto.*

3) *La Estraro de* Teka *invitas kolegojn* bankuracistojn *al anoncado en « I M R ». Tiuj anoncoj estos tre utilaj por kolegoj-anoncantaj, ĉar aliaj kolegoj* Teka-*anoj, preferos direktadi siajn pacientojn al samideanoj-bankuracistoj.*

*Nun multaj el ni tute ne scias, ĉu ekz. en Vichy aŭ en Kissingen loĝas bankuracisto-samideano ? La anoncoj povas esti mallongaj kaj la Redakcio de « IMR » promesas doni al* Teka-*anoj rabaton.*

4) Konsuloj *kaj* Subkasistoj *estas afable petataj sendi raportojn pri ilia agado al Prezidanto de* Teka *(Krakôw-Starowisna 18, D-ro M.* Blasberg).

**La redackio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn stile sed ne enhave.**

Lille. — Imp. DOURIEZ-BATAILLE. *Le Gérant :* Dº BRIQUET.

## TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO (T. E. K. A.)

Prezidanto : D-ro Blassberg (Krakow).
Vic-Prezidentaj : P-ro Nishi (Tokio) ; D-ro Robin (Warszawa).
Ĉefsekretario : D-ro Kempeneers (Bruxelles).
Ĉefkasisto : D-ro Sos. Tuchlauben 18 Wien (Austrujo).

### *LANDAJ KASISTOJ*

*Anglujo* : D° J. Buchanan, Vauxhall Bridge Road 280 A, London S. W. 1. — *Belgujo* : D° P. Kempeneers,, 20, rue aux Laines, Bruxelles, Poŝtĉekoj 13.111. — *Brazilo* : S° Maltez Fernandez, Santa-Luiza, 18, Rio-de-Janeiro. — *Ĉeĥoslovakujo* : D° Parma, Ligerova 56, Praha II. — *Francujo* : D° Briquet, rue de La Bassée, 31, Lille. Poŝtĉekoj, Lille, 30.25. — *Germanujo* : D° Bluth, sanatorium für Zuckerkranke, Neuenahr. — *Hispanujo* : S° Bartomeu, str. Tallers, 81, Barcelono. — *Hungarujo* : D° Takacs, vaczi-utca, 8, Budapest, IV. — *Italujo* : P° Monti Pier Carlo, via Cappuccio, 7, Milano. — *Japanujo* : P° Nishi Anat. Instituto Medicina Fakult, Tokio ; D° Hideo Jagi, Medic. Fakult. Imp. Univ., Kioto. — *Jugoslavujo* : D° J. Crlenjak, Palmotiĉstr. 20, Zagreb. — *Litovujo* : D° J. Kovarsky, Merkine, Alytus. — *Nederlanda Gujano* : D° de Ruyter, Hospitala militista ĉefo, Paramaribo. — *Polujo* : D° Blassberg Starowislna, 18, Krakow (Polaj poŝtĉekoj, 140.019). — *Rusujo* : K-do Snejko, Blankrusia centra oficejo, poŝtkesto 33, Minsk ; D° M. Fomina, Rustaveli 14, Batum. — *Skandinavujo* : D° J.-H. Leunbach, Stockolmsgade 39, Kopenhago. — *Skotlando* : D° Primmer, Struan-Bank, Cowdenbeath. — *Svisujo* : D° Wanner, avenue Georgette, 1, Lausanne. — *Usono* : D° Gianfranceschi, 610, Niagara str. Buffalo, N. Y.

### *KONSULOJ*

*Anglujo* : D° Johnston, 23, Seymur strasse Portman Square, London. — *Brazilo* : D° de Almeida, eve. Rio Branco 131, Rio de Janeiro. — *Bulgarujo* : S° Zlateff, farmaciisto, Tirnovo. — *Ĉeĥoslovakujo* : D° Bischitzky, Mikulasŝka, 12, Praha ; D° Ulman, Komensheko 72, Mukaĉevo. — *Danujo* : D° Leunbach, Stockolmsgade, 39, Kopenhago. — *Finlando* : D° Salokannel, Punkaharju Takaharju. — *Francujo* : Doj. Cotar, Vichy ; Dardel, Aix-les-Bains; Gros, Apt (Vaucluse). — *Germanujo* : D° Schwab, Pariserstr. 3, Berlin W. 15. — *Grekujo* : D° Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. — *Hispanujo* : D° Bremon Masgraŭ, Carrer Balmes 102, Barcelona. — *Hungarujo* : Doj. Lorand, Damjunich, 56, Budapest VIII ; Takacz, Vaczi utca, 8, Budapest IV. — *Italujo* : D° Pachany, via Spalato 2, Fiume. — Litovujo : D° Kovarsky, Merkine, Alytus. — *Japanujo* : D° Tomasoburo Ogata, Patologia Instituto, Tokio. — *Jugoslavujo* : D° Crlenjak, Palmotiĉ str. 20, Zagreb. — *Polujo* : D° Leon Zamenhof, Marszalkowska 125, Warszawa. — *Rusujo* : D° Fisher, Perovsky str. 3, Leningrad ; Dino Fomina Argunova, str. Rustaveli, Batum (Kaukazo) ; K° Snejko, poŝtkesto 33, Minsk (Blankrusio) ; Skalsky, ul Karl Marx 17, Omsk (Siberio). — *Skotlando* : D° Primmer, Struan Bank, Cowdenbeath. — *Usono* : Doj Link, South Grand Ave., Saint-Louis (Mo) ; Van Becelaere, 522, John D. Spreckels building Sixth and Broadway, San Diego (Kalifornio).

# Tiu-ĉi VAGINA TAMPONO

## forlasas iom post iom

# GLICERINON ...





La plej efika tampono estas tiu kiu entenas pli da glicerino, tiamaniere ke, kiam ĝi estas premigita ĉirkaŭ l'utera kolo, la glicerino povos grade dissemiĝi en la kolo kaj ĉirkaŭ tiu ĉi, helponte al plidaŭrigo de la bonfaranta agado (organa malkonĝestiĝo kaj malpleniĝo).

L'Antiphlogistine uzata kiel vagina tampono ne nur plenumas tiun postulataĵon sed, plie, la granda kvanto de pura glicerino kiun ĝi entenas baldaŭ miksiĝas per disvastiĝo kun la eksudaĵo, kaj kontribuas por estigi agrablan varmsenton post kiu sekvas periodo de ripozo kaj parte sendoloriĝo utilega al la malsanulino.

**Por fari efikan tamponon jen facila metodo :**

Varmigu l'Antiphlogistine je la dezirata temperaturo ; loku necesan kvanton de ĝi ĉe centro de kvadrata gazpeco (vidu la dekstran fig.) ; refaldu la ĉirkaŭan gazon sur l'Antiphlogistine, sed lasu libera la randon de la gazo por ke tiu ĉi povu agadi kiel drenilo (vidu la maldekstran fig.). Uzu spekulon kaj zorge premigu la tamponon ĉirkaŭ l'utera kolo.

**GRAVEDECO**

**(SIMPTOMARO - KOMPLIKAĴOJ)**

Jen titolo de broŝuro sendata senpage (citante I. M. R.) al akuŝistoj kaj ginekologoj. Ĉu vi ĝin deziras ?

Ĝi temas pri la ĝeneralaj ecoj de l'Antiphlogistine, ĉefe en kazoj de mamabscesoj, blanka doloriga flegmasio, mamitoj aŭ mastitoj, postakuŝaj metritoj, fendetoj de mampinto, vulvaj edemoj, hemoroidoj, urinreteno, malfacile kuraceblaj neŭralgioj, malordoj de utera involucio, adenitoj k.t.p.

**THE DENVER CHEMICAL M. F. F. CO**

: 163-167, Varick street, Corner Charlton street :

**New-York - N. Y.**

**LABORATORIOJ DE L'ANTIPHLOGISTINE, 116, Rue de la Convention**

**PARIS (15e)**

*Literaturo kaj specimenoj citante I.M.R.*

